# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

PUBLICATION MENSUELLE
JANVIER 1960
28e ANNÉE
— N° 187 —

34, Rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.



(Cliché aimablement prêté par « L'Indépendant du Midi »)

## LA FÊTE DU CENTENAIRE DE L. L. ZAMENHOF A PERPIGNAN

Autour de M. R. LLECH-WALTER, Président de l'Association

Mr. Francis FRANÇOIS, rédacteur à « L'Indépendant du Midi ».

Mr. Stefano ANTONELLI, professeur à la Faculté de Droit de Montpellier.

Mr. Robert GENDRE, secrétaire de la Fédération.

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

**Rédaction :**

**M. Jean THIERRY,** UEF, 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction **(un double interligne).** Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

*Prière d'envoyer des clichés, et non de simples photos.*

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

## U.E.F. COTISATIONS

| | F | NF |
|---|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** (Fédération, 20 ; Groupe, 30 ; UEF, 25 ; UEA, 25) | 100 | 1 |
| **MEMBRE ACTIF** | 300 | 3 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement à la « RF d'E » | 800 | 8 |
| **MEMBRE JUNIOR : moins de 21 ans*** (TEJO) et **étudiants**** | 500 | 5 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR UEF** (avec abonnt à la « RF d'E ») | 1.500 | 15 |
| **MEMBRE A VIE UEF** (avec abonnement à la « RF d'E »). | 25.000 | 250 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO.** | 600 | 6 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandaj abonantoj** | 700 | 7 |
| SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO** | | |
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire d'UEA) | 825 | 8,25 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 1.650 | 16,50 |
| (La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj* estas respektive **415** kaj **825 F, 4,15 NF** kaj **8,25 NF** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj ; la pliaĝaj studentoj pagas **plenan** kotizon). | | |
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 2.500 | 25 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 1.300 | 13 |

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. Paris C.C.P. 855-35 Paris.

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, Rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 F ; de soutien : 1.000 F ; bienfaiteur : 1.200 F (8, 10 et 12 NF).

* Indiquer la date de naissance ; ** indiquer la Faculté.

# LE PRÉSIDENT VOUS PARLE

Je n'ai pas eu l'occasion de m'entretenir avec vous, chers lecteurs, depuis plusieurs mois.

Les soucis d'une charge professionnelle dans des matières très complexes (expertises comptables et fiscalité), ne laissent pas beaucoup de place aux loisirs, et pourtant, j'assure à Perpignan, 10 cours d'Esperanto par semaine, dans différents Etablissements d'enseignement de l'Etat, dont deux à titre obligatoire.

Aussi, j'applaudis à l'initiative du Colonel Omont à Versailles, qui a créé 18 cours hebdomadaires d'Esperanto dans 18 établissement, et à titre obligatoire (680 élèves).

Versailles et Perpignan ont donc leurs cours obligatoires d'Esperanto.

Je recevrai avec plaisir les informations m'annonçant d'autres cours dans d'autres villes.

Il ne suffit pas de rédiger de beaux articles, de lancer des circulaires, il ne suffit pas de critiquer avec plus ou moins d'acrimonie, il faut faire quelque chose de positif et la tâche la plus noble est d'enseigner l'Esperanto.

Au cours de ses conférences dans les Etablissements d'Enseignement, notre Secrétaire Général André Ribot a constaté qu'il était possible d'ouvrir des centaines de cours dans les écoles, si nous avions des professeurs, ou même de simples moniteurs ou lecteurs. Il faut que chaque Esperantiste muni du « Kapableco » propose ses services aux Directeurs d'Etablissement. Il faut que tous les élèves suivent les cours de perfectionnement au Château de « Grésillon ».

Et, comme le dit Julien Guadet dans sa conférence « La Valeur Pédagogique de l'Esperanto » (éditée par le Groupe Esperantiste de l'Enseignement),... « ce ne sont que profits intellectuels et moraux que les enfants tirent des « études élémentaires, que les jeunes gens doivent tirer des études plus pous- « sées d'Esperanto ».

René LLECH-WALTER

# NOVA "OPO"

Sekve de la deziresprimo, formulita en la *Kongreso de Tours, la « Franca Esperanto-Revuo »* fariĝas ĉiumonata... sed la redaktoro Paul Ciliga, al kiu ni ŝuldas la nunan pli belan aspekton de nia revuo, devis informi la UEF-estraron, ke li ne plu povos surpreni la redakcian respondecon ekde januaro 1960, ĉar mankas al li la necesa tempo por certigi ĉiumonatan aperigon. Li estu ĉi tie gratulita pro la pliboniĝo, kiun li donis al nia nacia gazeto.

En kabineto estas relative facila revo la planado de revuo kiel la nia... sed la realo trudas al ĝi krudajn kondiĉojn malpli elastajn ol tiuj de la fantazio : pri ĉio diktatoras la buĝeto, kiam la tempomanko de la redaktantoj jam ne difektis la revon ! Kiu ne imagis al si belegan modernan revuon multapaĝan, riĉe ilustritan per koloraj kliŝoj, kaj presitan sur glacea papero ? Nu, la kosto de papero, kliŝo kaj kompostado, kaj la limo de unu tagnokto je 24 horoj, por redaktantoj, kies profesio estas tute alia, jen bariloj nepre netranspaŝeblaj ! — krom se per forta kununuiĝo kaj kunlaboremo vere konkreta la redakcia « opo », disdividante inter si la laboron, povas multobligi sian propran laborkapablon. La nura kondiĉo, finfine, konsistas en iom da disciplinemo inter la kunlaborantoj el la grupoj. Tiajn gazetkorespondantojn ni alvokas, sed ili bonvolu sin konformi mem al la neeviteblaj postuloj de la presado kaj asoci-agado : *datlimo, tajpado de manuskripto, ĝenerala direkto sur la lingvopolitika kampo ;* ili pripensu, kiom da tempo rabas la ordigo, retajpado, se ne ofte reverkado, de po dudek paĝoj monate ! Kaj se venas al ili en la kapo grandioza ideo, ili tuj serĉu, kiamaniere ĝin realigi (praktike) preskaŭ sen plia elspezo !

Jes, karaj legantoj, estiĝis nova opo aŭ « *ovo* » de kun-redaktantoj, kiuj klopodos ankoraŭ pli riĉigi la asocian revuon : inter ili oni trovos M. Audibert, P. Ciliga, J. Rousseau, P. Royer... kelkaj pro militservo estas malproksimaj, P. Bonnard kaj M. Duc-Goninaz.

Dum publikaj festoj preskaŭ ĉiam staras unu budo kun specialaj figuroj, kiuj ofte prezentas la ĉefajn rolulojn de familia ceremonio ; kaj la ludocelo konsistas en tio, ke oni devas per pilkoj renversi unu post la alia ĉiun figuron : tion oni kutime nomas la « *masakroludo* ». Kaj nun, kvazaŭ tiel, jen ni staras antaŭ vi, karaj legantoj : se ŝprucas en vi nedetenebla emo pafi al la pianisto, ne hezitu, sed precipe ne difektu la *pianon !*

Por la nova opo.

J. Thierry.

# EN LA DOMO DE UNESKO

La membroj de la « Franca Komitato de Neregistaraj Organizoj de UNESKO » estis invititaj ĉeesti kunvenon, en la domo de UNESKO, la vendredon 27-an de novembro 1959.

S-ro ROUGETET, inĝeniero estis komisiita por prezenti raporton pri « Union Espérantiste Française », kiu, de nelonga tempo, estis akceptita en tiu Komitato. Verdire, li ne parolis pri la asocio, sed nur pri la lingvo Esperanto. Li tre klare kaj tre simple komentariis antaŭ la aŭskultantoj la urĝan bezonon de la homoj kaj de la internaciaj instancoj por reciprokaj rilatoj pri komuna lingvo.

S-ro Rougetet montris kiel la uzado de mortinta lingvo — latino ekzemple — aŭ de moderna eŭropa lingvo ne taŭgas, pro malfacilo, pro daŭro de la lernado necesa por relative majstri tiujn lingvojn, se ne paroli pri naciaj « ofendiĝemoj ».

Li tute nature alvenis al la avantaĝoj de lingvo internacia, kiel estas Esperanto. Mi ne bezonas indiki ĉi tie la argumentojn de S-ro Rougetet pri la supereco de Esperanto super aliaj artefaritaj lingvoj ; li elmontris la simpecon, la klarecon, la flekseblecon de la lingvo.

Poste, la preleganto montris, kiel la disvolviĝo de Esperanto povas prezenti antaŭpaŝon sur la kulturkampo, kaj li parolis pri la pli ol duoncentjara uzado kaj realigoj de Esperanto.

La aŭskultantoj ŝajnis tre interesataj. Oni disdonis dokumentojn ; mi rimarkis, ke tiuj, kiuj ne ricevis, ilin petis kaj tuj foliumis la diversajn gazetojn (eĉ dum la sekvanta parolado !).

Poste, interesa prelego okazis pri UNICEF kaj filmoj estis prezentitaj. Mi rekomendas al organizantoj de kunvenoj pruntepeti tiujn filmojn de UNICEF Ili estas celtaŭgaj des pli ke oni povus aldoni esperantajn klarigojn kaj uzi ilin kiel pruvojn de konsilindaj ligiloj inter diversrasaj popoloj. (J.G.)



Dans le **« Progrès du Nord » (18-12-59)** nous avons lu que :

*..Dans sa séance du 11 décembre 1959, l'Académie d'Arras (sciences, lettres et arts) a élu au fauteuil de Mr Decaux, devenu membre honoraire, Mr Henri PHILIPPE, architecte urbaniste, président honoraire de l'Union Espérantiste Française, président d'honneur de la Fédération Espérantiste du Nord de la France, administrateur de l'Union Universelle Espérantiste président d'honneur-fondateur de la Maison culturelle des espérantistes de Baugé (Maine-et-Loire).*

Nous adressons nos très sincères félicitations à notre Président pour l'honneur qui lui est fait.



# KUNSIDO de la ADMINISTRANTARO de U.E.F.
## en Parizo la 19-an-12-59

Ĉefaj punktoj el la protokolo de S-ro A. Ribot, Generala Sekretario de U.E.F.

**• « La Voĉo de Ameriko » :**

Tiu ĉi potenca radio-dissendilo preparas ses programojn duonhorajn por marto kaj aprilo, — la vendredon por Eŭropo kaj Ameriko, kaj la sabaton por la cetera parto de la mondo. Laŭeble, F.E. konigos detalojn pri la ondlongeco kaj la ekzakta tempo.

**• « Franca Esperantisto » :**

S-ro P. Petit proponas pliampleksigon de la eldonombro de nia nacia revuo, laŭ kiu nombro estus eble ricevi pli belaspektan ligilon. Kun S-ro J. Thierry, ekde 1960 nova redaktoro, li pristudos la aferon.

En la Revuo aperos, ekde januaro, nova paĝo por la *lernejoj*, anstataŭ la stencilita folio *Esperanto-Rondo*. La gejunuloj de niaj francaj instruejoj rajtos aperigi artikoletojn, leterojn, anoncojn, ktp. Speciala abonprezo estas konsentita por la instruejoj : dek novaj frankoj por unujara abono, kun kvin ekzempleroj sendotaj sub la sama banderolo.

**• Kongreso de Bruselo :**

S-ro P. Petit donas klarigojn pro la jam planitaj vojaĝo kaj restado ; F. E. donos ĉiujn utilajn detalojn.

**• Financoj :**

S-ro J. Rousseau donas la ĉefajn ciferojn pri la ĉi-jara bilanco ; la financa stato de nia asocio estas ĝuste en ekvilibro.

**• D-ro HAMWAI :**

Sekve de la cirkulero, dissendita de S-ro Guilaume, dudek-du urboj deklaris sin interesataj pri la projekto de prelegoj farotaj de la Nov-zelandano D-ro Hamwai.

**• « Monde des Philatelistes » :**

S-ro J. Rousseau sukcesis aperegi konstantan rubrikon en tiu grava filatela gazeto. Verkite en Esperanto, ĝi donas al la alilandaj filatelistoj la francajn novajojn — Gratulon al S-ro Rousseau.

**• Perkoreponda kurso :**

Laŭ diversaj opinioj montriĝis, ke la ĝisnuna perkoresponda kurso de U.E.F. fariĝis iom malnovaspekta ; S-ro A. Ribot proponas, ke, atendante la eblecon reeldonigi ĝin, ni prove uzu la lernolibron de Chavet-Warnier. Adoptita.

**• « Privilegia Vojo » :**

S-ro V. Setala eldonis vere modernan kaj rektmetodan lernolibron, taŭgan por ĉiuj. S-ro J. Thierry proponas, ke U.E.F. provu presigi kelkajn pagajn anoncojn en gazetoj por disvendi tian lernolibron. Adoptita.

**• Broŝuro Rougetet :**

S-ro G. Rougetet verkis tre celtrafan broŝuron pri Esperanto, ĉirkaŭ-dudek-paĝan ; U.E.F. kontribuos en ĝia disvastiĝo (prezo : 0,50 NF).

**• Afiŝoj :**

D-ro A. Albault proponas, ke oni eldonu belegajn afiŝojn por montri en magazenoj : la propono retenis ĉies atenton, sed la financa flanko de la afero devigis prokrasti ĝian efektiviĝon. Ĉetere la afiŝoj, antaŭ nelonge eldinitaj de *Editions Françaises d'Esperanto*, povas esti uzataj por ekspozicioj (prezo por serio de 9 : 10 NFr, afrankite).

**• Nova kategorio de membroj :**

D-ro A. Albault proponas la kreon de nova kategorio de membro, argumentante la pravecon de sia projekto. Ĉe tiu ĉi punkto grava pro siaj financaj konsekvencoj, la Administrantaro decidas enskribi ĝin en la tagordon de la Nacia Kongreso en Montélimar.

**• UEF-UNESKO :**

S-ro G. Rougetet reprezentis UEF en kunveno de la francaj filioj de la Neregistaraj Organizoj en konsultaj rilatoj kun Unesko. Pro la akcepto de nia asocio en la rondo, S-ro G. Rougetet havis la okazon fari etan kaj trafan prelegon pri UEF kaj Esperanto. Gratulon al S-ro G. Rougetet.

**• Esperanto en lernejo :**

K-lo Omont (Versajlo) venis Parizon, por klarigi la eksperimenton nuntempe okazantan en sia urbo, kie lie instruas al la gelernantoj de 18 diversaj instruejoj : kun S-ro H. Leclerc, Unuagrada Inspektisto, tre interesa debato ekestis inter la partoprenantoj. Ni sincere gratulas K-lon Omont, kaj deziras, ke lia esperimento fariĝu instiga por ĉiuj niaj samideanoj (precipe instruistoj).

Tiurilate S-ro H. Leclerc rimarkigas, ke, el oficiala vidpunkto, ĉiu instruit(in)o rajtas instrui Esperanton en sia klaso, dum la tempoparto « *Loisirs dirigés* ». Kial ne pli granda nombro da instruistoj profitas tiun favoran decidon de la Ministerio ?.

Tiu ĉi numero estis ja preta komence de januaro ; bedaŭrinde ne ĉion oni povas antaŭvidi, kaj aparte gripepidemion, kiu tute fuŝis la kompost-organizadon de nia presisto.

Bonvolu senkulpigi la malgraŭvolan prokraston.

# LES CONGRÈS DE 1960

## BRUXELLES 1960

### LE CONGRÈS INTERNATIONAL

PROGRAMME du voyage en autocar au Congrès de Bruxelles : « *Toute la BELGIQUE, telle que nous l'aimons !* ».

Départ : *Jeudi 28 juillet, à 8 heures* — MEAUX — REIMS (déjeuner) — Les Ardennes françaises — CHARLEVILLE (dîner et coucher).

*Vendredi* 29 — Les ARDENNES belges — la Vallée de la MEUSE — DINANT — NAMUR (déjeuner) — MARCHE-LES-DAMES — LIEGE — AIX-LA-CHAPELLE (dîner et coucher).

SEJOUR à BRUXELLES, en demi-pension, jusqu'au samedi 6 août à midi.

Départ : *Samedi 6 août, à 13 heures* — MALINES — ANVERS (dîner et coucher).

Arrivée : *Dimanche 7 août (tard dans la soirée)* — ANVERS — GAND — BRUGES (déjeuner) — LILLE — PARIS.

PRIX (tout compris) : Voyage aller et retour, séjour et demi-pension : *400 NF*.

*
**

AŬTOBUSA KARAVANO DE G.E.E. AL BRUSELO : ANGERS-PARIZO-ANGERS.

*Foriro* : la 28-an de julio 1960.

*Reiro* : la 16-an de aŭgusto 1960.

*Tranoktado* en Parizo, Ostende, Bruselo (7-foje), Middelburg, Roterdamo (3-foje), Amsterdamo (2-foje), Groningen, Maastricht, Luksemburgo, Parizo.

*Pliajn informojn* vi petu kontraŭ afrankita koverto de R. DELAGNEAU, instruisto en *Avrolles*, par St-FLORENTIN (Yonne).

### EK, AL LA... 30.000-a MEMBRO DE U.E.A.

La 31-an de aŭgusto 1959 Universala Esperanto-Asocio enkalkulis 613 individuajn membrojn *pli ol* pasintjare je la sama dato. Kun la asociaj membroj la anaro atingis entute 23.118 membrojn.

Per vere eta peno de ĉiu ni povos fronti la novan jaron 1960 kun freŝa forto-kresko, dinamisma rejuniĝo. Se ĉiu instigos almenaŭ unu novan aliĝonton al U.E.F., tiu ĉi estos unu plia asocia membro ; se la asocia membro de la lasta jaro iĝos membro-abonanto, la nacia kaj internacia Esperanto-asocioj akiros pli potencan influforton por faligi la barojn. De ĉiu el ni dependas la socia decido !

## LA KONGRESO EN MONTELIMAR
## (la 4, 5 kaj 6 junio 1960)




Jen la situo de nia kongresurbo 1960 !

LA ĈEFURBO DE LA NUGATO.

La suno vin invitas ĝui tri belajn tagojn de junio en tiu brila suda regiono, kie sonoras la klaraj vokaloj de Esperanto kaj vin atendas la preparataj aranĝoj de la grupo « RODANA STELO ».

INTERNACIA LINGVO ESTAS JA INTER-GRUPA LINGVO.

Jam aliĝintaj estas tridek-kvin membroj.

Ne malfruiĝu !

*Rimarko* : sur la aliĝilo enŝoviĝis eraro, kiun vi bonvolos korekti :

Hôtel 2e catégorie — 2 lits — 4 personnes — 18 NF Bonvolu legi 13 NF (dek-tri) anstataŭ 18 NF

*Notinde* : en la ekskurso povos partopreni ankaŭ tiuj, kiuj pliŝatos veturi per sia propra aŭtomobilo.

# L'ESPERANTO DANS LE MONDE

*Esperanto en Hungarujo.* — Komunikaĵo de la Hungara Oficejo (presado kaj dokumentado) en Parizo. — Ek de la komenco de la nuna jarcento, la Lingvo Esperanto eniris Hungarujon. La diversaj tavoloj de la loĝantaro (de la laboristoj ĝis la intelektuloj) interesiĝis pri tiu facila komunikilo. En 55 liceoj estas kursoj nedevigaj ; en diversaj firmaoj funkcias 114 kluboj.

Pri literaturo, oni povas substreki, ke la plej grandaj hungaraj verkistoj : Peöfi, Madàch, Vöröemarty, Arany, Karinthy... havas siajn verkojn tradukitajn en Esperanton : tio permesas konigi al multaj eksterlandanoj la ĉefverkojn skribitajn en la malmulte konata lingvo Hungara ; ekzemple en Ĉinujo tiuj verkoj estis tradukeblaj en ĉinan lingvon pere de Esperanto.

Nuntempe du ĉefaj nomoj brilas en la originala verkado en Esperanto : S-ro Gyula Baghy kaj D-ro Kàlman Kalocsay kiu estas ĉefkuracisto en la hospitalo Laszlo — Budapesto.

---

Ĉu vi scias, ke la gazeto « Journal de Médecine de Lyon » denove regule aperigas siajn resumojn en Esperanto dank'al la kunlaborado de D-ro Albault ? Eble (ni eĉ povas diri certe) estus bone, ke kuracistoj skribu dankleteron al la redakcio : « Journal de Médecine « 52 rue Victor-Hugo, Lyon.

***

### TUTMONDA ESPERANTISTA ADRESARO DE KOLEKTANTOJ

Inter la bezonantoj de internacia lingvo la kolektantoj staras certe sur la unua vico, ĉar ili devas korespondi kun ĉiuj landoj por akiri la mankantajn objektojn de sia propra kolekto. Ĝis nun, en nia Movado kaj precipe, sur la filatelia kampo, aperis pluraj negravaj publikgaĵoj, kies utileco estus multe pli granda se unueco povus ekesti... sed... ĉiu deziras, ke la aliaj venu al si... kaj malordo daŭre regas.

Tamen la verko, kiun mi volas prezenti hodiaŭ al la Esperantistoj estas atentinda : tiu Adresaro, eldonita duafoje de la Esperantista Kolektanta Centra Informejo, enhavás pli ol 400 adresojn, ne nur de filatelistoj, sed de ĉiuspecaj kolektantoj ; sekve, ĝia verkinto-eldoninto, s-ro R. MELO meritas grandan laŭdon, ĉar li faris unuafoje ion neniam antaŭe plenumitan. Do neniel mirige, ke la unua eldono ricevis tiel favoran akcepton, ke dua eldono povis aperi, pli ampleksa.

Plia avantaĝo estas la modesta prezo de tiu Adresaro : 200 fr. afrankite, nemalhavebla laborinstrumento por ĉiu kolektanto, al kiu ĝi dekobligos la okazojn por interŝanĝi laŭ favoraj kondiĉoj.

En Francio, oni povas ricevi tiun Adresaron, sendante 200 frj. al S-ro R. MELO 6 Place Jules Ferry Saint Etienne Loire C.C.P. 1318-09 Paris ; alilande, oni sendu kvar internaciajn respondkuponojn al la sama adreso.

***

### *BULGARIE*

Un timbre-poste sera émis pour célébrer le centenaire de Zamenhof. Ce sera le 3e timbre consacré par la Bulgarie à l'Espéranto.

***

### *CHINE*

La librairie Zhung-Hua annonce la parution prochaine en Espéranto de « Histoire des dynasties chinoises » (depuis l'antiquité jusqu'à la dynastie Ming (1644).

***

### *SUEDE*

A l'occasion de la célébration du Centenaire de Selma Lagerlöf (Prix Nobel 1909), il est utile de rappeler que de nombreuses œuvres de l'écrivain suédois, notamment « Gösta Berling » — « Les Enfants de Bethléem » — « La Reine de la Forêt », ont été traduites en Espéranto et ainsi diffusées mondialement.

★

### BULTENO GEPATRA

Tiel nomiĝas revueto, kiu, defendante la principon de Esperanto uzinda kiel *enhejma lingvo* apud la nacia, alportas sub plej diversaj formoj helpon kaj informojn al tiuj aŭtentikaj « Esperantoj », kiuj, konsciaj pri la praveco kaj graveco de sia persona sinteno, deziras efektive apliki tiun principon en sia ĉiutaga familia vivo.

Peranto, por Francujo estas : *S-ro Odent*, 19, *rue des Fours*, *ARRAS*, kiu volonte sendos al interesatoj laŭdezire pliajn detalojn. Li eventuale povus havigi ekzempleron por konsulto.

# EN FROSTAVALLEN 1959...

Dum la Sveda Somera Semajno de la 9-a ĝis la 16-a de aŭgusto en Frostavallen okazis du kunvenoj por la reprezentantoj de la informaj fakoj. La debaton partoprenis interalie ges-roj Anjer (Norvegujo), M. Boulton (Britujo), V. Setälä (Finnlando), J. Pragano (Nederlando), T. Sekelj (Jugoslavio), Gustafsson (Svedujo) kaj I. Lapenna (Direktoro de CED).

Estis faritaj pluraj sugestoj kaj rekomendoj ; sed ĉefe estas rememorigataj **al ĉiuj gesamideanoj** la paragrafoj 13 kaj 14 de la « Fundamenta Principaro de Informado pri La Lingvo Internacia » (p. 188 de la Jarlibro de UEA 1959) :

*
**

**IV Kvalito**

**§ 13 ĈEFAJ ERAROJ : a) Nomi la Lingvon artefarita, helpa, verda k.s. ; oni ĉiam nomu ĝin aŭ La Lingvo Internacia aŭ Esperanto ;**

**b) superflue menciadi diversajn projektojn de komuna lingvo ;**

**c) ne distingi nete inter Esperanto kiel vivanta lingvo kaj tiuj projektoj, se la circonstancoj devigas paroli pri ili ;**

**d) uzi en nacilingvaj tekstoj esperantajn esprimojn, ekz. « samideano », « Majstro », « verdstelanoj » k.s. ;**

**e) skribi pri Esperanto en nekorekta nacia lingvo ;**

**f) nomadi la informadon pri Esperanto « propagando » ;**

**g) doni al la Esperanto-Movado sektecan karakteron (tro multe da steloj kaj flagoj, kantado de la himno kaj aliaj kantoj en nekonvenaj tempo kaj loko, strangaĵoj en la vestoj dum kongresoj kaj aliaj publikaj kunvenoj k.s.). LA ERAROJ EN LA INFORMADO MALPROKSIMIGAS DE ESPERANTO DEKMILOJN DA PERSONOJ KAJ KAŬZIS FORTAN KOMPROMITIĜON DE LA MOVADO EN MULTAJ MEDIOJ.**

**§ 14 Por altigi la kvaliton estas necese akcenti ĉion, kio montras la kulturan kaj praktikan valorojn de la lingvo : literaturo, sciencaj verkoj, ISU, Belartaj Konkursoj, delegita reto, precipe helpo dum vojaĝoj kaj en profesia laboro. LA DIGNO DE ĈIUJ PUBLIKAJ ARANĜOJ RESPEGULU LA RESPEKTON, KIUN LA ESPERANTISTOJ MEM HAVAS POR LA LINGVO INTERNACIA.**

**Noto de la Redakcio.**

Ankoraŭ nun tro multaj geesperantistoj ne konscias pri la neceso kaj pri la postuloj de celtaŭga informado... Ni atentigas ilin precipe pri la punkto g) : ili evitu ĉion, kio povas doni al la publiko falsan ideon pri La Lingvo Internacia kaj kaŭzi iun ajn kompromitiĝon de la movado en multaj medioj. En tiu ĉi rilato ni revokas la *Deklaron de Bulonjo-ĉe-Maro :*

**« La Esperantismo estas la penado disvastigi en « la tuta mondo uzadon de lingvo neŭtrale homa, « kiu, ne entrudante sin en la internan vivon de « la popoloj kaj nenion celante elpuŝi la ekzis- « tantajn lingvojn naciajn, donus al la homoj de « malsamaj nacioj la eblon komunikiĝadi inter « si ; kiu povus servi kiel paciga lingvo de pu- « blikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj « nacioj batalas inter si pri la lingvo ; kaj en kiu « povus esti publikigitaj tiuj verkoj, kiuj havas « egalan intereson por ĉiuj popoloj.**

**« Ĉiu alia ideo aŭ espero, kiun tiu aŭ alia Es- « perantisto ligas kun la Esperantismo, estos lia « afero pure privata, por kiu la Esperantismo ne « respondas. »**

**En la Unua Esperanto-Kongreso (1905).**



**LA LANGUE UNIQUE**

De M. Louis Giraud, Bld Amiral-Vence, Super-Toulon (Var) :

Il faudrait que tous les peuples se comprennent, il faudrait que l'on puisse voyager facilement d'un pays à l'autre. Depuis bien longtemps on aurait dû adopter une langue unique que tous les enfants du monde entier apprendraient avec leur langue maternelle, et d'ici quinze ans au maximum tous les peuples parleraient la même langue. Je sais bien qu'il y a l'espéranto, mais ce n'est pas une vraie langue.

Ce n'est pas l'avis des espérantistes. Reportez-vous à la Tribune des lecteurs de notre numéro 532.

*Extrait d'un numéro de PARIS-MATCH.*



**ATENTU ! ATENTU !**

La Societo PLANCHENAULT FILS ĵus kreis move blan bindilon, « CLIO » por tuja bindado, kun uzgvidilo en Esperanto. Koloro laŭ elekto, kun orumita dorstitolo laŭ mendo — por 24 numeroj de « Franca Esperantisto ».

*Por formato 280 × 215 × 43 mm :* Prezo : 4,50 NF (limtempo de ĉirkaŭ 4 semajnoj).

LAMPERTH GEZA :

# ROZOJ SUR LA NEĜO

Ĉe la franca stacio de sia eterna rifuĝa vojo Ràkoczi Ferenc (1) pasigis la tempon en Parizo.

Kortuŝa, kvazaŭ legenda estimo kaj amo akceptis ĉie ĉe la bordo de la Sejno la interesan filon de la nekonata, malproksima regiono, la kavaliran « grafon de Saros » (2). Tiun ĉi nomon portis la rifuĝinta naciestro). Bonveninta gasto li estis ĉe la brila kortego de Ludoviko la XIVa, same kiel ĉe la brilaj kasteloj de la plej eminentaj francaj grandsinjoroj.

La ĉiam gaja kaj facilanima Parizo tiatempe precipe havis amuzan humoron. Kvazaŭ ĝi estus sentinta, ke baldaŭ pasos la tempo de ĝiaj facilanimaj ĝojoj, duoble ĝi ĝuis la plezuron de ĉiu minuto. La brilaj kaj pli brilaj vesperfestoj, baloj, koncertoj, ĉasadoj sekvis unu la alian. Kaj la unua invitito ĉiam kaj ĉie estis la interesa hungara rifuĝinto, kiu kun sia eksterajo kaj kun sia mensa eminenteco baldaŭ konkeris la delikatgustajn francojn. La sinjorojn same kiel la sinjorinojn. Eĉ tiujn lastajn precipe — pri kio atestas multaj tiatempaj intimaj rozkoloraj memorajoj...

Rakoczi komence partoprenis en la gaja vivo por forgesi la akran doloron de sia koro... siajn multajn neniiĝintajn sonĝojn... sian perditan patrion... forlasitan familion...

Sed ankaŭ tie apud la Sejno, en la belegaj ĝardenoj de Versajlo aperis antaŭ li la pejzaĝo de la Danubo, Tibisko... la arbarego de la Karpatmontaro... Kaj eĉ en la bruon de la brilaj amuzoj enploris la korŝira, melankolia voĉo de la kurucfluto, la mortspiro de la katenita hungara libereco desur la montsuproj de la Karpatoj, de la ebenaĵoj de la Tibisko... La sopirado al siaj ĉarma edzino kaj du belaj infanoj el la viena mallibereco...

Kaj lia vualiĝinta imagema animo ĉiam pli sopiris ei tiu feina brilo, el tiu gaja, brua, facilanima vivo. For, for ien, sur iun silentan, trankvilan, solecan insulon, kie li povus resonĝi la poreterne malaperintajn dolĉajn sonĝojn pri gloro feliĉo...

Jam milde signis al li, trans la grandurba ŝtonaro, la bluaj montetoj de Grosbois, jam eksonis en liaj oreloj la arĝentsona sonorilo de la kapelo de la kamaldulaj ermitoj...

Li restadis ankoraŭ en Parizo, sed li jam forlasis la bruajn societoj. Apenaŭ li iris aliloken, nur ĉe unu el siaj plej intimaj amikoj, en la domon de marŝalo grafo Tessé. Ankaŭ tien pleje nur pro tio, ke la grafa kastelo estis en silenta kvartelo de la urbo, kaj grandega parko ĉirkaŭis ĝin.

En tiu ĉi parko dum horoj promenadis la rifuĝinta naciestro. Kiu scias : kiaj sentoj, pensoj svarmis ĉirkaŭ li tiatempe ?... La sinjoro de la kastelo milde atentis pri tio, ke la eminentan gaston embarasu neniu kaj nenio dum la minutoj de la silentaj revadoj.

Vere, embarasis lin neniu kaj nenio. Ankaŭ la servistaro mallaŭte, piedpintirante flankiĝis de lia vojo. Liajn solecajn, silentajn paŝojn fidele kompanis nur du revemaj bluaj knabinokuloj el unu fenestro de la kastelo... El la fenestro de la banka knabina ĉambro de la grafa fraŭlino Charlotte.

La floranta franca knabino per ideala fanatismo amikiĝis al la rifuĝinta naciestro de la hungaroj, pri kiu ŝi aŭdis de sia patro legendajn sciigojn. Pri liaj bataloj, suferoj, gloroj, fiasko... pri lia famo, nomo... kaj, aĥ ! pri lia amo... pri lia belega kaj malgaja amo, kiun oni ankaŭ nomis Charlotte...

Rakoczi tuj ĉe la unua renkontiĝo eksimpatiis kun sia ĉarma admirantino. Li, kiun tiutempe jam apenaŭ interesis iu alia virino (sed, ho, kiom ili interesiĝis pri li !), Charlotte-n ĉiam li distingis, longe kaj varme li paroladis kun ŝi. Kaj dum parolado kun videbla plezuro li rigardis ŝian gracilan staturon, ŝiajn parolantojn bluajn okulojn, ŝian ondhavan orhararon, kaj aŭskultis, kvazaŭ avidsopire, la freŝajn, klarajn sonojn de ŝia voĉo... Ankaŭ dum la plej malhelaj tagoj de la amaraj trompiĝoj, la grandaj malesperoj — multajn tiajn tagojn havis la rifuĝinto ! — por Charlotte ĉiam li havis kelkajn ĉarmajn vortojn, ĉarmajn vortojn, ĉarman rideton, kelkajn florojn... Sed ankaŭ Charlotte per la mirakla eksento de la milda, delikata knabinanimo ĉiam trovis brilan radion, per kiu ŝi — se nur por momento — serenigis lin, orumis la malhelan nubon de la suferanta animo.

Iun belan vintran tagon kun malgaja sciigo paŝis la naciesttro en la Tessé-palacon.

Li diris, ke li venas por adiaŭi.

Nun jam ĝisfine enuis lia animo la bruan grandurban vivon. Li decidis, ke li forlasos Parizon kaj li transloĝiĝos en la silentan monaĥejon de la kamaldulaj monaĥoj en Grosbois. Inter la sanktaj muroj, en la socio de la piaj ermitoj sole por la memoroj de la pasinteco li volas vivi ; li jam atendas nenion de la futuro. Li malfermas sian animon antaŭ Dio kaj la eterna sankta Vero, li verkos siajn konfesojn kaj memorajojn pri la hungara liberecbatalo. Car pri tio li jam havas neniomda espero, ke li denove enmanigu la standardon patroninbildan kaj gvidu al venko la sanktan aferon de la libereco. Liaj amikoj, patronoj forlasis lin unu post la alia, kvankam tiom da belajoj ili promesis dum la tagoj de la gloro... Ekvidu la nuna mondo kaj la estonta generacio : por kio li batalis, por kio li suferis ? Por kio li oferis sian junecon, sian tutan vivon, familion, havajon, ĉiujn siajn valorojn korpan kaj animan...

Se li finos tiun ĉi laboron, trankvile li iros plue, se necesos, sur la kalvaria vojo de la kaŝvagado kaj

(1) *Prononcu :* Francisko Rakoci.

(2) *Prononcu :* Saroŝ. Temas pri hungara departemento.

trankvile li klinigos, se tiel okazos, sian lacan kapon je eterna ripozo...

Muta, profunda silento estiĝis post la malgajaj vortoj en la brila, granda ĉambrego. Nur la fajro de la marmorkameno murmuris gaje kaj ĵetis lumradion sur la frunton de Rakoczi sidanta antaŭ ĝi ; tiel tremetis tiu ĉi lumo tiumomente en la okuloj de Charlotte, kiel la glorkrono ĉirkaŭ la kapo de la sanktuloj... Ŝi forturniĝis silente, ke neniu rimarku la larmojn falintajn el siaj okuloj. Ŝi iris al la fenestro kaj rigardis la densajn neĝerojn, kiuj, kvazaŭ tiom da brilflugilhavaj grandaj papilioj, faletis tie ekstere sur la arbojn, arbustojn de la parko.

La naciestro senintence rigardis post la knabinon. Lia laca rigardo iom ekripozis sur la belega staturo de Charlotte, poste denove eksonis lia malgaje sonanta voĉo, kun nekutima, jam de longe neaŭdita varmeco, tiel :

— Tiu ĉi hodiaŭa tago por ĉiam restos rememoriga por mi. Eble pro tio mi elektis ĝin por la adiaŭo. Iutage vizitis min je la lasta fojo... el la viena kaptiteco mia Charlotte, mia adorata edzino. Ankaŭ tiam estis simile bela vintra tago. Nia renkontiĝo ne okazis en simile brila palaco. Sub la libera ĉielo de Dio, en la tendaro de la kurucoj. Tien venis Charlotte, inter la krudajn kurucajn soldatojn. Kvazaŭ lilio estus paŝinta en dornan arbuston... Tie ni akceptis ŝin. Ho, sed kia akcepto estis tiu ! Rozo kreskis sur ĉiu dorno !... La tuta ĉefstabo estis kune, miaj karaj generaloj, Bersényi (3), Bottyan kaj la kavaliraj oficiroj : Béri Balogh, Bezerédi... kaj miaj leopardfelsurtutaj belaj husaroj... Ho, kiel ĉiu ĝojis, aklamis tie !

— Venas nia naciestrino ! — Nia grandsinjorino venas ! Ŝi ne estas plu mallibera. Ŝi estas jam nia, libera ŝi estas jam... ŝi apartenas jam por ĉiam al nia naciestro !

Tiel sonis la ĝojaj voĉoj el iliaj lipoj. Sonegis la kurucflutoj... La standardoj malleviĝis ovacie antaŭ ŝi, kiam ŝi elpaŝis el la granda, flava viena ĉaro kaj sur la fajretanta blanka neĝo ŝi venis rekte al mi... flugis ŝi inter miajn varmajn brakojn... Kaj ĉie rozoj faladis sur la fajretantan bankan neĝon... ŝiaj floroj — fajraj, ruĝaj rozoj... dum ŝi kisis miajn lipojn, — dum mi kisis ŝiajn lipojn... kaj ankaŭ sur nin faladis fajraj, ruĝaj rozoj, la fajroruĝaj rozoj de la plezuro, la ebrio... Miraklo ĝi estis tiam, sonĝo ĝi estis... Poste mi eksciis, ke tiu ĉi sonĝo naskiĝis en la milda kavalira animo de generalo Bercsényi.

Ruĝaj rozoj sur la blanka neĝo estis la lastaj atestantoj de la lastaj minutoj de tiuj ĉi feliĉaj minutoj de mia vivo, kiuj ne daŭris pli longe, ol velkis la rozoj. Niaj vojoj denove kaj por eterne disiĝis. Chalotte-n denove forrabis de mi la granda, envia, flava viena ĉaro... Sed tiun ĉi bildon neniam mi forgesos... Ĝi estas por mi la eterna simbolo de la feliĉo, plezuro... Ruĝaj rozoj sur la blanka neĝo... Kaj ĉi tie, nun revekiĝas denove kun stranga varmeco tiu bildo, je tiu ĉi blanka tago de la rememoro. Kiam denove mi adiaŭas de miaj karaj amikoj kaj mi adiaŭas de iu ĉarma knabino, kiu tiel similas al mia perdita feliĉo. — Via fiera gracia staturo, viaj parolantaj bluaj okuloj, via ondhava orhararo... via belsona, dolĉa voĉo kaj mem via dolĉa nomo, cio, ĉio kiel tiu de mia Charlotte... Rigardu, pro tio vi estis tiel ĉarma, tiel konata al mi tuj de la unua minuto, mia belega knabino.

La naciestro nun leviĝis, iris al la fenestro kaj longe, varme li premis la tremetantan manon de Charlotte.

— Ankaŭ vi estis viva simbolo de mia mortinta feliĉo, — diris li, rigardante en la malsekajn okulojn de la ruĝiĝanta knabino... Nun jam mi adiaŭas de ĉiu surtera plezuro, feliĉo... Mi adiaŭas ankaŭ de vi. Mi dankas al vi ĉiun dolĉan, puran plezuron, kiujn vi akiris por mi, kvazaŭ senkonscie. La bona Dio benu vin !

Charlotte tiris al siaj lipoj la manon de la naciestro, ekkisis ĝin, kaj poste ploregante ŝi forkuris el la ĉambrego. Pelteton ŝi survestis kaj nerimarkeble ŝteliris en la vitrodomon starantan en la plej bona parto de la palaco, kiu estis fame konata pri tio, en tuta Parizo, ke ankaŭ vintre floradas en ĝi la fajraj, ruĝaj rozoj.

*
* *

La maljuna grafo Tessé kaj lia edzino ankoraŭ longe paroladis kun Rakoczi. Jam ekpensis la entuziasma franca soldato, ke tamen li ne povas permesi la velkadon de lia eminenta amiko inter la almozuldezertaj muroj de la estiminda monaĥejo, sed li konstruigos por li simplan, silentan, sed tamen komfortan kampan dometon proksime de la valaco. Kie ankaŭ li ofte vizitos la princan ermiton. Same ankaŭ Rakoczi devis promesi, ke el sia silenta soleco li kelkfoje vizitos Parizon. Iliaj domo kaj koro ĉiam estas malfermitaj antaŭ li.

Post kortuŝa adiaŭo, kiam li elpaŝis el la palaco, mirante, kun dolĉa surprizo li ĉirkaŭrigardis. Apud lia vojo, komence de la palacpordo ĝis la pordego, rozoj estis disĵetitaj sur la fajretanta blanka neĝo, fajraj ruĝaj rozoj...

Kaj akompanis liajn malproksimiĝantajn paŝojn du revantaj knabinokuloj el la fenestro de la palaco. El la fenestro de la blanka knabina ĉambro de grafa fraŭlino Charlotte...

El hungara tradukis : SZALAY Sandor.

*Postnoto de la tradukinto :*

Lampérth Géza estis arĥiva oficisto. Li naskiĝis en 1873 kaj mortis en 1930. Li verkis poemojn, rakontojn, romanojn kaj teatraĵojn. Siajn temojn ofte li prenas el la historiaj tempoj, precipe el la liberecbatalo de la hungara nacio. Tiu ĉi batalo daŭris dum ok jaroj, de 1703 ĝis 1-a de Majo 1711, kiam — post multaj belaj venkoj — perdinte ĉion, la « kuruc » -oj, batalintaj por reakiri la nacian sendependecon kontraŭ la malamika kaj tirana Habsburg-dinastio, la liberecbatalintoj demetis siajn armilojn, standardojn. Multaj partoprenintoj — inter ili ankaŭ Rakoczi (*prononcu :* Rakoci), la naciestro — devis rifuĝi. En tiu ĉi rakonto pri lia franclanda restado parolas la verkisto, montrante ankaŭ la amikajn sentojn de la du nacianoj.

(3) *Legu : Berĉenji.* Hungaraj husarregimentoj servis la francan reĝon.

# " VIVO DE LA GRUPOJ KAJ FEDERACIOJ "

*La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur kliŝojn, sed NE simplajn fotojn.*

## JUBILEA CENTJARA DATREVENO EN PERPIGNAN



Laŭ afabla permeso de « L'Indépendant du Midi ».

M. Cazes, Directeur Départemental des P.T.T.
M. Bassouls, Président de la Société Littéraire et Scientifique.
M. Grando, Majoral du Félibrige.
Me Rocariès, Bâtonnier, Président de l'Association Polytechnique des Pyrénées-Orientales.

(Je la unua vico de la ĉeestantaro : maldekstre dekstren) : S-ro Gaston Cazes, Departementa Direktoro de la Poŝtoficejoj ; D-ro Georges Bassouls, Prezidanto de Literatura kaj Scienca Asocio ; la eminenta poeto Charles Grando, Delegito de la Kleraj Asocioj kaj Magistro Léon Rocariès, Advokato, Prezidanto de Politeknika Asocio.

### PERPIGNAN FESTIS LA 100-an DATREVENON DE L'NASKIĜO DE D-ro ZAMENHOF kun fervora entuziasmo kaj multaj partoprenantoj.

La dimanĉon 13-an de decembro, okazis en Perpignan belegaj festoj honore al 100-a datreveno de l'naskiĝo de D-ro ZAMENHOF.

Partoprenis 85 personoj de Perpignan, de la departemento, kaj eĉ de regionoj sufiĉe malproksimaj.

Je duono post la deka, okazis la laborkunsido en la ĉefa Salono de la Meti-Ĉambro. Sidis ĉe la honortablo, S-ro. Llech-Walter, Nacia Prezidanto, S-ro. P-ro. Stefano Antonelli, eks-Deputito, Profesoro de la Jura Fakultato en Montpellier, S-ro Robert Gendre, Ĝenerala Sekretario de la Esperanto Federacio « Languedoc-Roussillon », kaj S-ro François Francis Gazet-Delegito.

Oni notis la ĉe estadon de S-ro. Léon Rocaries, Advokato, Prezidanto de Politeknika Asocio, de S-ro. Georges Bassouls, Prezidanto de la Scienca kaj Literatura Associo de Orientaj Pireneoj, de S-ro. Charles Grando Delegito de la Kulturaj Asocioj de la Departemento, de S-ino. Grando, de Gesinjoroj G. Gazes ĉefa departementa poŝtestro, de S-ro. Gilles, Delegito de provenco, de D-ro. Basmans, de S-ro. Ducanchez, estro de la porinstruista seminario de junuloj, de F-ino Castejon help instruistino en la liceo de junulinoj, de delegitoj de la diversaj gazetoj de gelernantoj de pluraj lernejoj kaj kursoj, de simpatianoj kaj precipe delegitoj de diversaj urboj inter kiuj, Perpignan, le Boulou, Arles, Pollestres, Carcassonne, Montpellier, Nîmes, Sumène.

S-ro. Llech-Walter parolis unue esperantlingve. Li multe kaj kortuŝe laŭdis D-ro Zamenhof, je la duobla vidpunkto de Esperanto, kaj, sekve, de bonfarinto de

la homaro. Poste, li aldonis kelkajn vortojn francllingve, por la personoj kiuj ne komprenas ankoraŭ sufiĉe bone Esperanton. Fervoraj aplaŭdadoj substrekis tiun belan dulingvan paroladon. S-ro. Gendre, ankaŭ dulingve, parolis pri kelkaj notindaj detaloj de la vivo de D-ro. Zamenhof, precipe, pri la diversaj cirkonstancoj, kiuj instigis lin krei la esperantan lingvon. S-ro. Antonelli, kiu fariĝis Esperantisto jam de multnombraj jaroj parolis pri la ŝatinda verko de D-ro. Zamenhof. Li substrekis la klopodojn de la unuaj pioniroj de Esperanto kaj notis kun plezuro ke, pli kaj pli, nia movado progresas al la celo. Oni tondre aplaŭdis la interesan paroladon de la eminenta Profesoro Antonelli.

Poste, kelkaj infanoj kaj gejunuloj deklamis agrable en Esperanto, poeziojn kaj fablojn, precipe de « La Fontaine » franca fablisto de la XVII-a jarcento. Malgraŭ ke kelkaj el tiuj infanoj lernis esperanton nur de tri monatoj, oni konstatis plezure, ke la elparolado estis belsona, gracia kaj agrabla. Tio ege impresis la publikon. Fine parolis la Delegitoj de la diversaj Grupoj kaj Federacioj. Poste, la partoprenantoj ĉeestis honorvinon en Granda Salono de la Urbdomo. Estis tie multaj notindaj oficialaj instancoj, inter tiuj S-ro. Paul Alduy, Deputito-Urbestro de Perpignan, S-ino Paul Alduy, Urbestrino en Amélie-les-Bains, S-ro. Hugues, Help-Prefekto de Orientaj Pireneoj, k.t.p... Ili parolis laŭvice, dirante unuanime sian tutan simpation al nia afero. Parolis ankaŭ S-ro. Karlo Grando, kiu, laŭkutime, per agrablaj kaj poeziaj vortoj diris sian tutan esperon en pli bona estonteco. S-ro. R. Llech-Walter dankis la oficialajn instancojn pro la simpatiaj vortoj favoraj al Esperanto. Li dum kelkaj minutoj parolis fervore Esperanton, (en tiu mirinde bela salono, kiu estas jam almenaŭ tricentjara), substrekante volonte, ke estas nekontraŭdireble je la unua fojo, ke tiu respektinda salono, kiu aŭdis tiom da paroladoj en latina, hispana, kataluna kaj franca lingvoj, vibras en tiu tago je la noblaj, sonoraj vortoj de la internacia lingvo Esperanto.

La kongresanoj iris poste en restoracion, kie la hotelmastro prezentis al ili bongustan menuon en simpatia kaj frata etoso. Je la dek-sepa, okazis prelego pri D-ro Zamenhof, ĉe Politeknika Asocio. Antaŭ pluraj centoj de personoj, Pro. Stefano Antonelli parolis fervore tiel elokvente, ke, eĉ fame konataj kontraŭuloj konfesis, ke de nun ili interesiĝos pri Esperanto.

Ni povas do, por konkludi, prave opinii, ke tiu « Jubiles Tago de Esperanto » estis, je ĉiuj vidpunktoj, tre fruktodona.

**BOURBOURG (Nord)**

S-ro Doyelles sciigis, ke li malfermis kurson post vizito de Germana Samideano.

**CAEN (Calvados)**

S-ro Martin kiu brile sekvas la preparitan vojon de S-ro Duthilleul, organizis Zamenhofan vesperon kun S-ro A. Ribot kaj nun gvidas kurson en la Instruista Seminario.

**CAUDRY (Nord)**

S-roj Ego kaj Bodson anoncis, ke Esperanto estas tie neoficiale enkondukita en la lernejan programon. La kursgvidanto estas pagata de la komunumo. Jen ! gravega atingaĵo, pro kiu ni varme gratulu la iniciatintojn.

**DIJON. — « Diĵona Esperanto-Grupa. Dumjara agado.**

La Diĵona Esperanto-Grupo sin direktis dum 1959 al 4 sektoroj : La Gazetaro, la lokaj eminentuloj, la ĉiugradaj Edukistoj kaj fine la Prezidantoj aŭ Direktoroj de diversaj kolektivaĵoj.

Jen resumo :

*Aprilo.* — Malfermo de elementa kurso por 5 junuloj el la Federalista Movado, gvidata de Sro CUGNY.

— Akcepto de Sro. RIBOT, kiu vizitis profesoron pri lingvo. Vespere, li publike prelegis pri la temo : « La Eŭropa lingva problemo ».

*Majo.* — La Grupo organizis kaj akceptis la Federacian Kongreson.

— Kvar membroj partoprenis la Nacian Kongreson en Tours.

— Du gelernantoj sukcesis la Ekzamenojn : Atesto pri lernado kaj supéra Atesto. Kursgvidantino : Fino LEPINTE.

*Oktobro.* — En la Sanatorio « La Trouhaude » apud Diĵon, prelego por prezenti Esperanton kun ekspozicio de libroj, revuoj, poŝkartoj (Prezentado pere de Sro. BIDEAU).

— Nia prezidanto, Sro. QUARRE kaj la tre aktiva Sro. BIDEAU veturis al Beaune, por helpi Sron. GILLES, malfermi kurson. Ili prezentis dokumentojn pri Esperanto.

— Malfermo de elementa kurso, anoncita de la loka gazetaro kaj per cirkuleroj al Junularaj Asocioj, gvidata de Fino LEPINTE.

*Novembro.* — Sendo de 675 broŝuretoj « La Jaro-ZAMENHOF » al eminentuloj, ĝeneralaj kaj urbaj konsilantoj, fakultatdekanoj, diĵonaj profesoroj, lernejaj direktoroj kaj instruistoj, k.t.p...

— Peto de prospektoj al 40 alilandaj turismoficejoj.

— Peto, por la dua fojo, de strato Zamenhof al la urba administracio. Sama peto estis rifuzita pasintan jaron.

— Sendo de 30 cirkuleroj al Asocioj de « Gepatroj de gelernantoj » por voĉdono de la poresperanta deziresprimo sendota al Ministro de Nacia Edukado.

— En la publika porknabina lernejo « Voltaire » prezentado de nia lingvo, kun multaj dokumentoj pri Esperanto, al 24 Knabinoj.

— Malfermo de ĵaŭda kurso al 30 lernantinoj, en la ĉi-supra lernejo, dank'al la sindonemo de Sro. ARMATTE, Instruisto.

— Sendo de 5.000 (kvin mil) poŝtmarkoj por U.E.A.-Kaso, plus apartaj sendoj.

*Decembro.* — 15an. Generala kunveno kaj memorfesto, okaze de la 100a. datreveno de la naskiĝo de Dro. ZAMENHOF.

— Dumjare la lokaj ĵurnaloj aperigis jen propagandartikolojn, jen anoncojn pri niaj kunvenoj, aŭ raportis pri ili.

Eĉ privata S.N.C.F.-gazeto, de la 3° Sekcio, propagandis plurfoje pri Esperanto.

— Laŭlonge de l'jaro, kunvenoj okazis la 2an kaj la 4an merkredon ĉiumonate.

**DOMFRONT (Orne)**

La 29-a Normanda Kongreso akazos la 14/15-an de majo 1960 ,sub la honora Prezidanteco de S-ro la urbestro.

La sukceso de tiu kongreso estas en viaj manoj, tuj aliĝu : 2,59 NFrj. Krome, bonvolu partopreni Leter vesperon kaj Ekspozicion ; sendu amase salutkartojn — nepre respondos — kaj petu memorigan karton kaj turistan informilon (ambaŭ Esperantlingve).

Adreso : S-ro G. Véron, Place Petite-Bruyère, Dombront (Orne). Compte Courant Postal : Rouen 1188-63.

**EVREUX (Eure)**

La urbestraro decidis nomi iun novan straton : « rue de l'Esperanto ».

Antaŭ nelonge nia urbo ĝemeliĝis kun la germana RUSSELHEIM ; ties Vic-urbestro kun kelkaj delegitoj vizitis nin. Uzante la Internacian Lingvon, tre afable, ili estis akceptitaj de F-ino Montagné.

**FECAMP (Seine-Maritime)**

Ekspozicioj, paroladoj, publikaj kursoj sorbas ĉiun momenton liberan de nia vigla Prezidanto S-ro Ernest Permanne.

**HENIN-LIETARD (Nord)**

En la kadro de la solenaĵoj de Zamenhof-jaro, entuziasme sesdek gesamideanoj respondis al nia alvoko ; kelkaj bedaŭre forestis sed esprimis sian simpation per salutletero :

S-ro H. Philippe, Prezidanto de UEF.

S-ro Lesoin, pro malsano.

S-roj Odent kaj Bordessoulle, ktp...

S-ro Mériaux ne ŝanceliĝis por veni el Monceau-les-Mines ĝis Hénin-Lietard ; lia ĉeesto kuraĝigis niajn pionirojn.

Kvankam estis nuba ĉielo, fiere flirtis la Federacia Banderolo, ornamanta la urbodoman fasadon : « Journée Fédérale Espérantiste : Centenaire Zamenhof ».

Je la 10-a de oktobro, la kongresanoj estis oficiale akceptitaj de la Urbaj Instancoj per honorĉampanvino. S-ro F. Darchicourt, Urbestro-Deputito, afable respondis al la esperanta malferma paroladeto de Honor-Prezidanto S-ro Jupin (tradukis franclingve S-ro L. Bourgois).

Je la 11-a malfermiĝis la laborkunsido ; poste ĝojigis nin teatraĵetoj, interpretitaj de la lernantinoj de S-ino Van Parys ; ni varme gratulas ŝin pro tia bonega laboro.

En la komuna tagmanĝo partoprenis kvardek personoj. Posttagmeze, karavano vizitis la Nacian Kolegion « Louis Pasteur » dum du horoj. Menciinde, ke tiu impona lernestablo, kiu vekis ĉies admiron akceptas 2014 gestudentojn, el kiuj 1700 tagmanĝas, laŭ 3 sinsekvaj servoj.

Konstruita kaj ekipita laŭ la plej modernaj konceptoj, la kolegio disdonas instruadon pri la plej diversaj branĉoj — teknika — moderna — klasika — al kiuj aldoniĝas metilernado ; kio ebligas al la gejunuloj orientiĝi laŭ siaj kapabloj.

Ni dankas la afablan gvidanton S-ro Legrand.

Prezidanto R. Curnelle.

**LYON. — Nia agado okaze de la Zamenhofa Jaro.**

— Okaze de la Zamenhofa Jaro, ni faris pli grandan propagandon je la komenco de la laborjaro (oktobro 1959). Tiu propagando, farita per niaj kutimaj rimedoj, sukcesis pli bone ol kutime : ni havas entute 45 gelernantojn en la diversaj kursoj.

— Ni disdonis 380 broŝurojn pri Zamenhof al personoj interesataj de Esperanto, al politikistoj de la departemento, al industriistoj, al la grupoj de gejunuloj.

— En oktobro, nia prezidanto, Sro Levin, prelegis en publika salono pri la temo « Du Latin à l'Esperanto » (temo elektita kiel respondo al la Kongreso « Pour le Latin Vivant », kiu okazis en Liono en septembro). Kontentiga ĉeestantaro — ĵurnalistoj venis kaj recenzis — 80, 100 personoj.

— La 20-an de decembro, ni havis amikan festeton, kiu kunigis anojn kaj simpatianojn de nia Societo. Kontentiga ĉeestantaro, 100 personojn. Bona atmosfero. Unue, kelkaj vortoj pri Zamenhof, por la novuloj, kelkaj poemoj, kantoj. Poste, balo.

— Por doni pli da intereso al la vivo de nia Societo, ni aĉetis belan magnetofonon, kaj faris antaŭe loterion por havi la necesan sumon. Tiel, ni esperas vere Esperantigi niajn novajn gelernantojn, aŭdigante al ili sonbendojn el la tuta mondo.

**PALENTE-LES-ORCHANS (Doubs)**

La Ekspozicio, projekita de la « Besançon » — Grupo okazis la 12/13-an de decembro 1959, kun granda sukceso, por la Centjara Jubileo.

Favore, profesiaj ĵurnalistoj aperigis interesajn artikolojn en la lokaj gazetoj : « Les Nouvelles », « Le Comtois », « La République ».

S-ino Trésorier, Lernejestrino de la Palenta Vartejo, prezentis kun abunda, riĉa dokumentado, la taŭgan valoron de la Lingvo Internacia.

Rezulto = oni petis malfermon de kurso en Palente. Ĉiuj klarigoj estos petataj de Ge-S-roj Trésorier, 2, rue des Lilas — Besançon (Doubs), France.

**PARIZO (Seine). — Pri Historio de la Franca Movado, en Sorbono.**

Filmo « Antaŭen ». Sinjoro MAHÉ ne ĉeestas la projekcion de sia verko, farita en 1937, ĉar li ne volas revidi sin dudekjarojn pli juna. Komikaj scenoj pri malfacilaĵoj de alveno en landon, kie oni nenion komprenas kaj ne povas komprenigi sin. Rekt-metoda Esperanto-kurso savas la kompatindan fremdulon kaj enigas lin en la esperantistan mondon de l'tiama Parizo. Kontrastaj scenoj inter militaj teruraĵoj kaj pactempa kamparo.

S-ro PETIT resumas la finon, kiu estis difektita, pri la Pariza Ekspozicio de 1937. Sugestoj pri rebonigo de la filmo per preparo de nova kopio, projekciota dum Universala Kongreso.

Lumbildoj kolektitaj en la arkivoj de U.E.F. far'de S-ro FLEGO, kiu projekcias ilin kaj komentas kun helpo de D-ro MAILLARD, S-roj CHAVET kaj CILIGA. Tro multaj fotoj bedaŭrinde ne havas indikojn (aŭ tro malmultajn), sekve nur parton de la personoj eblas rekoni. D-ro MAILLARD ankaŭ projekcias bildojn pri la historio de nia movado en Sceaux, sed pro teknikaj kaŭzoj oni devis tion ĉesigi, ĉar la heleco estis tute nesufiĉa. S-ro FLEGO prizorgos ilian eventualan adapton al la postuloj de l'projekciilo. — (J. G.).

**THIERS (Puy-de-Dôme)**

ZAMENHOF - festo okazis la 13an en restoracio « BOUQUIN » Jen la tagordo :

Matene je la 9a 1/2 *GENERALA KUNVENO* (en nia Sidejo).

— Protokolo de la kunveno de la 27 oktobro 1959.
— Generala raporto.
— Financa raporto.
— Raporto de la Kontrolo-Komisiono.
— Remalfermo de kursoj, kaj Informado.

Je la 12a ĉe *STRATO ZAMENHOF*.

— Depono de florbukedoj (loka grupo)
(Klermonta grupo « Konkordo »)

ĉirkaŭ la 13a : *Komuna tagmanĝo.*

Dum la vespero en la restoracio, S-ro LACOUR prezentis sian kolorfilmon pri nia vojaĝo al Varsovio (daŭro : pli ol unu horo).

S-ro VIDAL kaj mi prezentis kolorbildojn pri GRESILLON kaj U.K. en VARSOVIO.

Plie, nuntempe okazas tri kursoj en lernejo : 2 por komencantoj ; unu supera.

**TOURS (Indre-et-Loire)**

La 6-an de decembro 1959, en la festa salono de Saint-Avertin okazis Ekspozicio pri dokumentado de la Lingvo Internacia. Bonege ĝin organizis « La Heroldoj », sub la gvidado de nia simpatia UEA delegito S-ro André Aude.

**SOYONS DISCRETS**

Il arrive assez fréquemment que des Chefs d'Etablissements Scolaires acceptent l'ouverture d'un Cours d'Espéranto pour leurs élèves intéressés. Ceci doit être interprété, non comme une obligation qui leur incombe, mais comme une faveur qui contribue puissamment à répandre l'Espéranto sur le terrain le plus favorable qui soit : les milieux scolaires.

Or, lorsque ces cours ont lieu dans des villes où il y a déjà un groupe ou simplement des espérantistes isolés, il arrive que ceux-ci s'arrogent un droit de regard sur les cours scolaires et entendent exercer un contrôle ou apporter un appui que personne n'a sollicité.

Il risque d'en résulter un surcroît de travail pour le Chef d'Etablissement, déjà surchargé, et un désordre certain apporté dans la marche de l'école. Il faut donc redouter du Directeur ou de la Directrice, excédés par des visites ou des demandes fréquentes de la part des membres du groupe local, la suppression du cours scolaire.

Je demande donc instamment aux groupes locaux, délégués d'U. E. A., isolés, etc., de considérer les Cours et Groupes Scolaires, comme *strictement privés* et par conséquent en dehors de leur contrôle. Ce n'est qu'à ce prix que nous pourrons maintenir et créer des cours nombreux d'espéranto dans nos divers établissements.

Souvenons-nous de la discrétion du Dr ZAMENHOF qui, dès 1911, ne voulut plus figurer parmi les dirigeants mais parmi la foule des congressistes. Que cette modestie soit pour nous tous un modèle à imiter et un exemple à suivre.

A. RIBOT.

**DIVERSAJOJ**

La revuo « LE PIGEON VOYAGEUR DE FRANCE » regule aperigas informojn pri esperanto.

Oni prezentis ĉe la Franca televido novan statistikmaŝinon, kiu donas respondojn en esperanto kaj en 9 aliaj lingvoj.



**TAKIGRAFIO**

Nia eminenta samideano, S-ro Delfi DALMAU (Lauria 98, Barcelona, Hispanlando), profesoro pri lingvoj, faris duan eldonaĵon de sia verko : Internacia Takigrafio, kiu ricevis la Honoran Diplomon dum la 4-a kongreso hispana-amerikana-filipina, en Victoria, dum la jaro 1957.

Tia sistemo ebligas stenografi ĉiujn lingvojn.

Tiu ĉi eldonaĵo estas presita en hispana lingvo.

# RECENZOJ

*La redakcio recenzigas nur duope ricevitajn librojn, ĉar 1 ekzempleron ricevas la biblioteko.*

*Vilho Setalä : PRIVILEGIA VOJO al Lingvoscio : Esperanto* — Belaspekta glacea kovrilo — 124 paĝoj plaĉe ilustritaj de Asmo Alho kaj Kylli koski — poŝformato 12,3 × 18 cm. — Esperanto — Saatio, Helsinki, Fondumo Esperanto 1958 — 6 NF — havebla ĉe U.E.F.

Jam de multaj jaroj oni atendadis ja tian libron : verkita laŭ la plej moderna metodo de lingvolernado, ĝi finfine alvenas de Finnlando. Ĉirkaŭ dek jarojn la aŭtoro bezonis por finpretigi ĝin ; kaj ekde la unuaj paĝoj unu sincera sento de admiro vin ekkaptos pri la mirinda progreso, senhalte laŭirota de la studado. Verfakte, ĉiuj gesamideanoj tra la mondo povus gratuli pro tiel konscienca dekjara ellaborado !

Lernolibron oni povas kaj devus rigardi *laŭ tri vidpunktoj :* propaganda, gramatika, vortenhava.

1° *propaganda* — tia devus esti ĉiu lernolibro de Esperanto, tiel longe kiam La Lingvo Internacia ankoraŭ ne estos oficiale ne nur agnoskita, sed ankaŭ uzata de la ŝtataj instancoj. Ni ne forgesu, ke por ĉiuj la lernolibro estas la unua intima kontakto kun la Lingvo, kaj ke tiu kontakto devas do, antaŭ ĉio, resti alloga kaj retenema... Kio memevidente koncernas tiel same la enhavan neŭtralecon, kiel la materialan aspekton. Tiel nepse necesas forjeti el la tekstoj, kaj el la gramatikaj prezentoj, ekzemploj aŭ rimarkoj, ĉion kio povas ŝoki la senton aŭ opinion filozofian, religian, politikan eĉ nacian de la lernonto : edukado al internacia sento efektiviĝas ne per ofendoj aŭ prozelitismaj instigoj al iu ajn doktrino, dogmo aŭ programo, sed per vera komprenemo kaj toleremo. Ankoraŭ nun tro multaj esperantistoj, kvankam bonintencaj, konfuzas instruadon de lingvo kun varbado al sekto ! Ve !

Nu, tiurilate, la verko de la akademiano V.S. Setala estas modela ekzemplo de bonega lernolibro, kiu nenian personon povas ŝoki, *Laŭaspekte* la libro kontentigos ĉies ĉefajn postulojn : manuzebla ĝi ja estas pro sia oportuna poŝformato, plaĉa ĝi ankau estas pro sia riĉa ilustriteco kaj pro sia klara eĉ eleganta presiteco. *Laŭenhave* ĝi prezentiĝas kiel serio da progresigaj legajoj, en kiuj, iom post iom enkondukite, la vortoj estas klarigitaj per simboloj, bildoj aŭ aludaj kaj ŝercludaj eksplikoj, tiel ke la leganto povu kompreni sen ia vortara traserĉo. Tre amuza metodo, de kvazaŭ rebusoj aŭ krucvortoj, per kia la lernanto devas nur legi kaj relegi, ĝis li mem konstatos kun propra miro, ke li scipovas ja uzi la Lingvon.

La rakonto, kiel eble plej kontinua, temas pri gajaj aventuroj kaj petolajoj de tri kokidoj, keko Riko kaj Konjo kun siaj najbaroj, porko, hundo, kato, urso, vulpo... Kio estas ĉarma preteksto por montri homojn en vesto de bestoj : rakonto alloga ja por infanoj, sed ankaŭ, kaj ne sen revoko al la fabloj de La Fontaine kaj apologoj de Ezopo, tre interesoveka por kleraj, humurkomprenaj spiritoj, kiuj kapablas, kiel Rabelezo skribis, « rompi la oston por elsuĉi la substancan medolon ».

2° *gramatika* — estas memkompreneble, ke lernolibro devas esti tiukoncerne neriproĉebla, almenaŭ laŭ la plej klasika lingvouzo, definita en la Fundamento.

Laŭ sia principo « PRIVILEGIA VOJO » ne prezentas gramatikajn lecionojn : la regulojn la lernanto mem devas elsuĉi el la teksto. Sed multaj frazoj ilin montras pli klare, ol farus vortigo de regulo, ekz : « *Esti ie, iri ien. Akvo fluas en la mallarĝa rivero en la larĝan maron* »... ktp. Tiamaniere vidiĝas okulfrape, ke konkreta aplikiĝo pli drastas, ol abstrakta formulo. Krome, ĉe la librofino tre klara tabelo de la gramatikaj elementoj indikas la ĉapitron, en kiu aperas unuafoje la ekuzo de ĉiu baza elemento. Tio ĉi tute kongruas kun la propra strukturo de Esperanto, kies gramatikon la aŭtoro-iniciatinto D-ro L.L. Zamenhof sukcesis leksikonigi. Eĉ, la plej tiklaj punktoj estas insiste prezentitaj per trafe elektitaj, facile parkereblaj proverboj, tra kiuj plej vigle vivas la lingvo-spirito : « *Vojon batitan herbo ne kovras. — Ne bela estas amata, sed amata estas bela* » ktp.. Kelkaj frazoj estas per si mem ekspiikoj, ekz. « *Specialaj uzoj de « kiel » : Li salutis nin kiel la posedanto de la domo = estante la posedanto. Li salutis nin kiel gastojn = ĉar ni estas gastoj* ». Estus tro longe mencii ĉiun bonan prezenton, kiun entenas la 124 paĝoj de la libro. Verfakte tiun ĉi ni legis jam dufoje, kaj ĉiam kun nova plezuro malkovri lertan prezentomanieron de gramatika regulo.

3° *vortenhava* — lernolibro ne estas vortaro : ĝi ne bezonas enhavi ĉiun vorton de la lingvo ; dume ĝi devas enkonduki la bazajn vortojn ĝustatempe laŭ celtaŭga ordo, por ke la lernanto unuflanke tuj disponu pri la plej nemalhaveblaj elementoj kaj aliflanke ilin ripetu sufiĉe ofte en plej diversaj frazarangoj. Nur tiel ilin li povas tre rapide ne sole kompreni sed ankaŭ uzi ; nur tiel li povas vere asimili ne sole la vortkonsiston (pasiva lernofazo) sed ankaŭ kaj ĉefe la frazaranĝon (aktiva fazo). Foje sufiĉas, ke en cetere bona lernolibro ne prezentiĝas ĝustamomente la necesaj vortoj por ebligi al la lernanto kontentigan studoprogreson : de tiam haltigite, li havas la malesperigan impreson paŝadi sur la sama loko, li komencas malinteresiĝi, eĉ timi malsukceson ; kaj, kiel tro ofte okazis, li baldaŭ forlasos la apenaŭ komencitan studadon, ne tial ke al li mankis persistemo kontraŭ obstaklo, sed tial ke ian intelektan « paralizon » kaŭzis la interesiĝoperdo, — unuvorte, pro « truo » en la lernometodo.

Sur tiu kampo « PRIVILEGIA VOJO » estas ja privilegia : ĝi estis verkita surbaze de vortstatistikoj, kiuj sufloris al la aŭtoro la plej taŭgan vicordon laŭ la vortofteco kaj la oportuno en la komuna uzado. Cetere, verkite de finno, unuacele por finnoj, do por homoj, kies lingvo (ekster la hindeŭropa familio) enhavas plej malmulte da, laŭdire tuj kompreneblaj t-n., internaciaj vortoj, la teksto devas nepre sekvi iompostioman sed konstantan progreson de la plej simpla frazo « *Jen koko* » al pli kaj pli kompleksaj frazturnoj. Kiel rimarkindaj estas pluraj prezentoj !

Jen tuj ĉe la 3-a kaj 4-a ĉapitroj serio da demandoj kaj respondoj, kiujn daŭrigos poste tre vivaj dialogoj, eĉ fojfoje kun humura vervo... Jen desegnaj ludoj per kaj pri strekoj, kiuj samtempe difinas vortojn : « *Du strekoj unu sur alia estas kruco — Tri strekoj estas triangulo — ... — Kvin strekoj estas stelo kun kvin pintoj — Ses strekoj estas leteroj —* » ktp. ktp. Ĉio prezentiĝas kiel enigmaj problemoj, divenaj difinoj, instigaj rebusoj, kun plaĉaj bildoj kaj anekdotoj, vervoplenaj konversacioj, kiel ĉi tiu kun Poĉjo pri bestoj kaj piedoj, ekz. « *...kiom da piedoj havas milpiedulo ?* ». Kaj ankaŭ, ĉe la librofino alfabeta vortlisto indikas la ĉapitron, en kiu unuafoje aperas ĉiu vorto, tiel ke leganto povas rapide retrovi la klarigon de senco jam forgesita (entute vidiĝas ĉ. 1.300 radikoj).

*Sume*, ni disponas do, finfine, por Esperanto pri bonega instruilo el plej moderna metodo, — per tiu ĉi alloga lernolibro, kies unua eldono de 1958 jam preskaŭ elĉerpiĝis... Sed, nova eldono estas nun preparata sur internacia skalo, kaj ni povas nur bondeziri al ĝi la saman sorton, tiel malmultaj estas la kritikaj rimarkoj farindaj ! Male, ni povas rimarkigi, ke la preseraroj, cetere korektitaj sur aparta slipo, estas mirinde maloftaj. Tamen, ni simple menciu, ke la instrukcio (en tiu unua eldono verkita nur en finna lingvo) estus pli oportuna en la du lingvoj, kaj la finna kaj la Internacia, — ke la elemento -n, ŝtono de kunpuŝiĝo por multaj lernantoj kaj esperantistoj eĉ kun gepatraj lingvoj deklinaciaj (!), eble meritus plian klarigon (p. 7), des pli prave por homoj, kies kutima lingvo ne uzas akuzativon krom por pronomoj. Sekve de recenzista peko ni harsplitos, dirante, ke ŝajnas al ni stranga la uzo de pluralo post la vorto « *nul* » en la frazo : « *Tie estas* nul *strekoj* » (p. 8) ; krome, la rara eĉ rarega uzado de la pronomo « *ci* » (verŝajne pro tio, ke ĝis nun simple maloftas la uzokazo) ne estas en niaj okuloj sufiĉa motivo por tute forpeli ĝin el la lingvo.

Tia lernolibro tiel same taŭgas por memlernado kiel por gvidata kurso. En la unua okazo la lernanto devas mem sin devigi al la senca traserĉado kaj klopodi per si mem pri aktiva ekzerciĝado ; en la dua la kursgvidanto povas kontroli laŭtan legadon kaj tradukadon, respondi al eventualaj demandoj, ilustri diversajn punktojn per gramatikaj rimarkoj, dialogigi siajn lernantojn inter si kaj doni pliajn klarigojn kaj aktivajn taskojn. Ĉe ambaŭ lernoformoj la oportuna libroformato ebligas ĉiutagan studon per ripeta legado en iu ajn libera momento : unuj ĝin legos kaj relegos dum vojiro al, kaj de, la laborejo, en aŭtobusoj, tramoj aŭ trajnoj, kaj aliaj dum ia atenda tempo por rendevuo, manĝo aŭ dormo (eĉ en la lito). Kio de nun igos malfacile pravigebla la deklaron ne ĝui liberan tempon por lerni la Lingvon. Nur pigra, malvola aŭ nevola estos tia deklaranto !

Ni plej varme rekomendas al ĉiuj gesamideanoj pleje dis-vastigi ĉi tiun lernolibron por la progreso de Esperanto kaj ties plej forta unueco en la lingvouzado. Ek, al la sulko !

Jean THIERRY.



# LA DEJORA KLAĈISTO

Antaŭ nelonge min vizitis alilanda samideano...

Jes, spite la monprofitan avantaĝon, la lernometodan facilecon, la sonoran belecon, ktp, ktp, kiujn de kelka tempo oni legadas sur multaj afiŝoj kaj gazetpaĝoj favore al la sensacia, belega, mirinda angla lingvo, tio ankoraŭ nun okazas... Ne tiom ofte, kiom oni dezirus ! Sed tamen de tempo al tempo... kaj ĝuste angla estis mia vizitanto ! Eĉ, kvankam ne malbone li scipovas paroli la francan lingvon, li estis veninta Parizon kun la intenco trejni sin je la praktiko de La Lingvo Internacia. Tial li demandis min :

« Diru min, mi petas, kie kaj kiam okazos la venonta kunveno de la loka grupo ».

— Ho sinjoro, kiel bedaŭrinde ! Ĝuste en la jarperiodo, kiam pli oftas la bona ŝanco renkonti eksterlandanon — dum la ferioj — la loka grupo ne kunvenas...

— Ĉi strikas do, aŭ paŭtas. Ha ! Kia domaĝo ! Kial ?

— Tute ne : ĝi nur libertempas !

— Kaj venis mi speciale kun la celo praktiki tiun lingvon ! Ĝin mi ĵus eklernis antaŭ... apenaŭ ses monatoj !... Mi tre bedaŭras, ke en urbo, kiel la via, ne estas pli da oportunaĵoj por renkonti gesamlingvanojn.

Tamen bonŝanca vi estas ĉi-jare — konsolu vin — ĉar pro la Zamenhof-festo la grupo organizis komunan vespermanĝon por morgaŭ, kaj se vi estos libera...

— Libera ? Kompreneble ! Mi venis tiucele.

— Nu, ni iros kune.

...Kaj fakte, la morgaŭan vesperon, mi akompanis lin. Feliĉe por li, kaj ankaŭ por mi ! Ĉar tiel multaj estis la ĉeestantoj, ke ili mem miris pri sia nombro ; kaj, krom unu aŭ du esceptoj, ili ĉiuj ade tre babilis... en la franca, tiagrade ke dum la manĝado nur mi kaj mia invitito povis ŝajni eksterlandaj !

Ja, kiel agrable manĝi kune ! Sed, inter gesamlingvanoj esperantaj, ĉu ne ankoraŭ pli, paroli unu saman lingvon ? Pripensu la efekton de tia kunmanĝado : unuflanke ĉe la restoraciisto, aliflanke ĉe la publiko, se ne paroli pri mia invitito.

La restoraciisto, kies scivolemon ja ne povis ne tikli la ideo aŭdi per siaj propraj oreloj tiun Lingvon Internacian, pri kiu jam li supozeble aŭdis aŭ legis dum sia vivo, vidis nur grupeton « krokodiladi » en la franca. Kaj la publiko, kiu hazarde troviĝis, tiun vesperon en la ĉambro, preskaŭ ne aŭdis eĉ unu frazon de la lingvo, kvankam plurfoje el laŭtaj paroloj ĝi povis ekscii, ke la grupeto konsistas el esperantistoj.

Jen ! Kion ili povis konkludi el ĉio ĉi ?

Kaj miru nun, kial la Lingvo Internacia ne pli rapide disvastiĝas ? Se la geesperantistoj mem ne kunvenas, aŭ ne ĝin uzas, en la ĝusta tempo, kiam ilin trafas tre oportuna okazo !

VERRIDO.

# " ESPERANTO-RONDO "

## STUDENTA PAĜO

Chers Jeunes,

Devant le nombre croissant des Jeunes qui, dans les divers Etablissements d'Enseignement, apprennent l'Espéranto, nous avions créé l'année dernière : ESPERANTO-RONDO, modeste bulletin ronéotypé.

Mais, cette année, il faut faire mieux ; aussi, au cours de sa dernière réunion, le Conseil d'Administration de l'Union Espérantiste Française (UEF) a décidé d'inclure une page spéciale sous le titre : STUDENTA PAĜO dans sa revue mensuelle : FRANCA ESPERANTISTO.

Aujourd'hui paraît pour la première fois cette page, VOTRE page, que vous rédigerez vous-même, en adressant à notre Rédacteur M. THIERRY, 34, rue de Chabrol, PARIS-Xe(avant le 1er de chaque mois pour le mois suivant) vos articles, des fragments de lettres, vos idées, vos besoins, vos critiques même ! En un mot, cette page vous étant réservée, c'est à vous qu'il appartient de la faire à votre goût ; quant à nous, les anciens, nous ne l'utiliserons que pour répondre aux questions que vous voudrez bien nous poser et pour vous donner les informations qui vous concernent spécialement.

Désormais, vous avez la parole.

LLECH-WALTER, Président de l'UEF.
RIBOT, Secrétaire Général.

Du Club du Lycée de Jeunes Filles de Montpellier, nous avons reçu l'article suivant :

Ha lo ! la mondo ! Tie ĉi la Esperanta grupo de la ina liceo de Montpellier !

Amikoj kaj amikinoj, kiuj legas la ĵurnalon, sciu, ke ni serĉas per tiu ĉi lingvo eblon koni vin kaj nin ligi kun vi. En nia entuziasmo ni esperas, ke nia malgranda grupo ne estos la lasta, kiu kuniĝos al Esperanto-Rondo.

Ni estas en la liceo, tridekkvin fraŭlinoj, al kiuj la studo de la esperanta lingvo sentigas la feliĉon povi fine interkomuniĝi kun ĉiuj nekonataj geamikoj.

Jam ni ricevis japanan amikinon ; multaj estis la lernantinoj, kiuj aŭskultis kelkajn interesajn kutimojn de ŝia lando.

Dum diskoj estis dirantaj al ni, kiel kimonojn portas la gejapanoj, kiel ili aranĝis la florojn, la fraŭlino montris kolorajn lumbildojn. Si parolis al ni pri la tri japanaj alfabetoj : la de la infanoj, kio reprezentas nur la sonojn de la silaboj ; kaj du aliaj pli kaj pli malfacilaj.

Fine, diskoj ludis ariojn de Japanujo, kaj la fraŭlino, kiu surhavis kimonon, dancis du japanajn dancojn kun multe da facilmovo.

Ni deziras, ke por nia esperanta klubo aliaj personoj venu paroli al ni pri aliaj landoj. Ni esperu.

Bravo, Montpellier !

**Quelques avis pratiques :**

1) l'UEF a décidé d'envoyer tous les ans, un paquet de journaux et dépliants divers aux clubs scolaires ; c'est le Chef d'Etablissement qui les recevra.

2) Nous serions heureux de connaître les Etablissements où s'est créé un club.

3) Un abonnement collectif à prix réduit a été décidé par l'UEF ; pour 10 NF. par an, chaque club peut recevoir mensuellement 5 numéros de notre revue nationale FRANCA ESPERANTISTO.

4) Pour les demandes de correspondant(e)s, écrivez à Mme VINCENT, 13, avenue de Gaulle, Les Andelys (Eure), en joignant une enveloppe timbrée à votre adresse et un timbre de 25 Frs pour frais de bureau.

5) Enfin, souvenez-vous que nous sommes toujours à votre disposition pour vous aider à apprendre la langue ou à vous en servir dans le domaine qui vous intéresse.

### DES NOUVELLES DES CLUBS D'EPERANTO DE PERPIGNAN

*Club « Ecole Normale de garçons ».* — Grâce au dévouement de notre samideano S-ro Ducanchez, Intendant, les réunions du club sont particulièrement attrayantes ; des projets pour le prochain cycle, mais n'anticipons pas !

*Club « Centre Ménager Jean Alio ».* — Les élèves ont confectionné la traditionnelle bûche de Noël et de délicieuses pâtisseries qui ont été servies par leurs soins aux professeurs des cours d'espéranto. Bonne ambiance aux réunions du club grâce à l'amabilité de Mme Rul, Directrice et Mme Blanc, professeur.

*Club « Cours complémentaire Jean Macé ».* — Tous les mercredis de 18 h. à 19 h. réunion du club ; lecture des correspondances reçues, conversation et jeux.

*Club « Collège de Jeunes filles ».* — Les séances ont lieu le dimanche matin de 10 h. à 11 h. avec la précieuse collaboration de Mlle Isabelle Castejon, Maîtresse d'Internat.

*Club « Ecole Normale de Jeunes filles ».* — Tous les jeudis de 8 h. à 9 h. réunion du club ; correspondance, traductions, correction de diction au magnétophone.

### CRÉEZ DES CLUBS D'ESPERANTO DANS LES ECOLES !

Notre Président a fait imprimer des cartes de Club « Esperanto » tirage en vert avec petite étoile verte et les mentions : Universala Esperanto Asocio (Rotterdam). En konsultaj rilatoj kun Unesco UNION française de l'Esperanto, Agréée par le Ministère de l'Education Nationale, 34, rue de Chabrol, Paris (Xe). Etablissement de ............ ; M ............ Membre ............ Année Scolaire 19..-19.. ; Le Président, Le Trésorier.

Adressez les cotisations (1 NF par an, adhésion à UEF et UEA comprise) à la Fédération des Clubs d'Espéranto, 5, Quai Vauban à Perpignan-Chèque postal N° 956-28, Monpellier, et vous recevrez le nombre de cartes correspondant aux cotisations envoyées.

Si le club atteint 20 membres il bénéficiera d'un abonnement de 5 numéros de la « Revue Française

d'esperanto » ; à 40 membres le Club recevra en plus « La Praktiko » ; pour 80 membres, en plus la revue bi-mensuelle « Heroldo de Esperanto ».

Le Club d'esperanto qui aura présenté le plus grand nombre de candidats à l'Atesto pri lernado à la fin de la saison scolaire 1959/60 recevra le bel ouvrage « Retoriko » du professeur LAPENNA, le deuxième club classé recevra « Vivo de Zamenhof » d'Edmond Privat ; les cinq premiers clubs classés recevront « Le Docteur Esperanto » des Editions françaises d'Esperanto.

### 5-a INTERNACIA JUNULARKUNVENO SUR FELDBERG 14.-18.4.1960

Daŭrigante niajn tradiciajn Paskajn Feldberg-renkontiĝojn ni kore invitas la junajn geesperantistojn en- kaj eksterlandajn, travivi siajn Paskajn feriojn en internacia rondo en kaj ekster la komforta junulargastejo (iama hotelo) *Hebelhof* apud la 1500-m-alta *Feldberg* proksime al Titisee, Germanujo. Kiel la plej alta punkto kaj kvazaŭ la koro de la *Nigra Arbaro*, la Feldberg-regiono estas sporta kaj migrada paradizo.

Same kiel la pasintjaraj, la ĉi-jara renkontiĝo celas praktikan internacian kompreniĝon inter gejunuloj pere de Esperanto, perfektiĝon en Esperanto per prelegoj, diskutoj kaj abunda konversacio kaj nelaste refreŝiĝon dum ekskursoj per aŭ sen skioj.

La *prezo* (enhavanta loĝadon, hejtadon kaj ĉiujn manĝojn) estas *20 GM* por gepartoprenantoj malpli ol 20-jaraj kaj *25 GM* por pli ol 20-jaraj.

Bonvolu baldaŭ anonci vian partoprenon al la Germana Esperanto-Junularo, T 6/18, Mannheim, Germanujo, kun indikoj pri viaj nomo, antaŭnomo, preciza adreso, naskiĝdato kaj profesio. Limdato por aliĝoj estas la 31-a de marto 1960.

Koran bonvenon sur Feldberg !

Germana Esperanto-Junularo.

Federacia Estraro.

**KARL VANSELOW**

la « verda trobadoro »
ne plu estas inter ni.

La 28-an de Decembro 1959, post mallonga restado en malsanulejo li 84-jara pace transdormis en alian mondon.

Kaduka jam delonge li vivis ĝislaste por Esperanto, spite lian malforton vizitis Esperantajn kunvenojn, kontenta nur, kiam li estis inter samideanoj.

Multajn poemojn li verkis, kantis pri amo kaj paco, pri Verda Stelo kaj frateco.

La tutmonda esperantistaro funebros kun ni.

por
ESPERANTO-LIGO BERLIN
Adolf Sproeck
(prezidanto)

## COMMUNIQUE DE L'U.E.F.

**Dons :**

| | |
|---|---|
| S-ro CHARLET (pour F.E.) ........ | 6 NF |
| S-ro SEVEN ........ | 2 |
| S-ro MARTIN Constant ........ | 1,50 |
| F-ino SUCHAREAU ........ | 5 |
| Generalo BASTIEN ........ | 100 |
| Ges-roj GARRIGUE ........ | 7,90 |
| S-ino VINCENT ........ | 0,50 |
| S-ro COURBIER ........ | 1,50 |
| S-ro LESOIN ........ | 5,50 |
| S-ro SALASC ........ | 0,90 |
| S-ro MAILLOT ........ | 1,75 |
| S-ro LECOCQ ........ | 1,50 |
| F-ino LAIGNEAU ........ | 2,20 |
| S-ino DORE CAMY ........ | 1 |
| F-ino OLIVIER ........ | 0,50 |
| F-ino CHERIE ........ | 2 |
| S-ro CUNEO ........ | 2 |
| F-ino AMIARD ........ | 5 |
| F-ino ZINS ........ | 3,50 |
| S-ro LEGRET ........ | 1 |
| S-ino TRESORIER ........ | 1 |

**Membres bienfaiteurs :**

S-roj JELENS, FEREZ, Gen. BASTIEN, S-ro LLECH-WALTER, F-ino LLECH-WALTER, S-ro MACZKOWSKI, S-ino VAUJUAS, S-roj COCCOZ, NOBY, GARRIGUE, LAFOREST, S-ino PIBAROT, S-roj JULLIEN, BELIARD, S ino JUNGEAUD, F-ino LEMONNIER, S-roj EPSZTEIN, DELAYE, F-ino FERCOCQ, ZINS, ARTIGAUD, S-ro PRUD'HON.

**Membres à vie de l'U.E.F. :**

S-inoj COMBEBIAS, VINCENT, S-ro TISON.

### UN VOYAGE ET UN SEJOUR GRATUITS AU CONGRES DE BRUXELLES !

N'oubliez pas qu'en achetant et en vendant des cartes de « membres approbateurs », vous avez une chance de participer gratuitement au Congrès Universel d'Espéranto. (Une carte : 1 NF ; 0,50 pour l'UEF, 0,50 pour le groupe).

Estimataj ge-samideanoj.

Ni havas la doloron anonci al vi la morton de Sinjoro Emile BOREL eksradiostaciestro de Lyon P.T.T., 75 jara, prezidinto de la Societo en Lyon.

Li estis esperantisto de ĉirkaŭ 1920, delegito de U.E.A. en Lyon kaj poste en Arles. Li estis fervora esperantisto kaj bonega amiko. Antaŭ la lasta milito li, afable kaj gaje, esperantigis *preskaŭ ĉiujn siajn geamikojn*. Multaj restis fidelaj al nia grupo kaj kiel mi ege bedaŭris lian foriron en Arles. (La sekretariino de la Liona Societo).



# ĈE LA KAMPADISTOJ...

Alvenis al la Nacia Centro tre interesa raporto de S-ro Michel MASSEMIN, delegito de UEA en Fissac, Ruelle (Charente) : pri ĝia grava enhavo ni atentigas ĉiujn delegitojn de UEA...

*Esperantista Ralio en Jarnac, la 5-an kaj 6-an de Septembro* 1959.

Mi deziras raporti pri okazintaĵo pli grava — miaopinie — ol kutimaj regionaj kunvenoj.

1. *La ralio estis organizita de S-ro* GOUGET, *prezidanto de ICIEK* (Internacia Centro Interrilata de Esperantistaj Kampadistoj). Ĝi celis propagandan efikon sur :

— la neesperantistaj tendumantoj aliĝintaj
— la ĝenerala publiko

2. La *rimedoj* uzataj por atingi la celojn estis :

— personaj kontaktoj inter esperantistaj kaj neesperantistaj kampadistoj
— prezentado de skeĉoj, kantoj, ktp... dum kampofajro kun esperanto-franca programo.
— ekspozicio en urbodoma salono
— akcepto de oficialuloj

3. *Rezultoj* :

— *Partoprenintoj* : Ĉeestis ĉirkaŭ 180 personoj kaj infanoj. Ne pli ol 20-30 versajne estis esperantistoj (oni povas kontroli tion pere de la leteroj senditaj al UEF kaj UEA). Veraj praktikantoj de la lingvo estis ankoraŭ pli malmultaj sed ĉeestis tamen tre bonaj esperantistoj. De tempo al tempo kelkaj personoj grupiĝis por paroli en esperanto. Pri konversacioj temantaj rekte pri esperanto inter esp-istoj kaj nesp-istoj mi ne scias. Ŝajnas, ke tia propagando, se ĝi ekzistis, estis tute diskreta, ke oni ne provis altrudi ion, sed nur agnoskigi la fakton, ke esperanto estas uzata. Ĉefa problemo estas kompreneble la demando, ĉu la partoprenintoj sentos la bezonon pri esperanto. Ĉiuj partoprenintoj povis aĉeti tendoflageton kun franca-esperanta teksto.

— *Kampofajro* : la programo entenis nur kelkajn erojn en esperanto, bone prezentitajn de la Angulema grupo sub gvidado de Ges-roj Martinez ; kantoj kaj du skeĉoj. Tio estis sufiĉa por ne tedi la auskultantojn kaj ankaŭ por demonstracii la taŭgecon de esperanto kiel parolata lingvo. Ĉeestis ankaŭ multaj enloĝantoj de Jarnac.

— *Ekspozicio* : La ekspozicia materialo (paneloj kun poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj, libroj, revuoj, turismaj faldprospektoj kaj lernolibroj) estis tre lerte aranĝita laŭ iniciato de Ges-roj Martinez kaj samideanoj de ilia grupo. Ĝi konsistigis allogan aranĝon kaj bonan dokumentaron. Mi ne scias pri la nombro de la vizitantoj. Povis esti kelkaj dekoj da personoj en du tagoj.

— *Akcepto de oficialuloj* : Dimanĉon, je la 11.30, S-ro Gouget akceptis la urbestron de Jarnac, kun S-roj Marcilhacy, senatono, kaj Ricci, subprefekto en Cognac. Diversaj aliaj lokaj gravuloj ankaŭ ĉeestis. Rondirinte tra la tendejo kaj aŭskultinte klarigojn de S-ro Gouget, la urbestro, senatano kaj subprefekto paroladetis laŭvice pri ambaŭ temoj : esperanto kaj kampadismo. Nenio grava krom kutimaj deklaroj pri dezirinda pliproksimiĝo kaj interkompreniĝo de la popoloj.

— *La gazetaraj raportoj* estis tre bonaj.

*Konkludo* : (Persona aldona komentario)

Kampadisma fako en la esperanta movado estas sendube esperorica, kiam oni konsideras la multnombrajn libertempulojn, kiuj sin ĵetas sur la vojojn kaj eĉ en la eksterlandon dum la somero. Laŭ mi la agado sur tiu tereno povas dividiĝi jene :

— *Turisma informado* : ICIEK klopodas provizi turistojn al eksterlando per praktikaj informoj (doganaj regularoj, fervojaj hortabeloj, legitimaĵoj, kaj diversaj administraj informoj) kaj per turisma dokumentado (vidindaĵoj, tipaj vojaĝplanoj, ktp...). Tiu agado estas certe tre grava kaj — miaopinie — delegitoj de UEA povus helpi, sendante la ĉi-suprajn informojn pri sia regiono, kun faldprospektoj (eĉ nacilingve, eble kun resuma traduko). Ili ankaŭ povus indiki la nomon de personoj, kiuj estas pretaj gvidi, helpi au informi esperantistajn turistojn kaj kampadistojn.

ICIEK siaflanke povus aperigi regulan kronikon en « Esperanto ». La vojaĝemuloj tiel trovus utilajn informojn eĉ sen skribi al la centro. Povus eĉ temi pri mallonga laŭvica prezentado de diversaj vidindaj regionoj de la landoj, en kiuj la esperantista movado kontentige floradas.

— *Kampadistaj renkontoj* (ralioj) : Persone mi tute ne opinias, ke renkontoj kiel tiu de Jarnac estas utilaj. Estus multe pli efike organizi grupojn, kies membroj devenas de pluraj landoj, kiuj disvolvus dum *internaciaj* kampadistaj ralioj precizan agadprogramon por demonstracii parolan uzadon de la lingvo kaj la avantaĝon posedi komunan simplan lingvon. Oni celus impresi publikon internacian, kiu jam konas la malfacilaĵojn de turismo eksterlanda kaj intencas trapasi venontajn feriojn en eksterlando, dum en Jarnac ekzemple, la neesperantistaj ĉeestantoj eble tute ne interesiĝis aŭ almenaŭ havis nenian sperton pri tendumado eksterlanda.

Resume, mi rekomendas, ke UEA dediĉu artikolon al esperanta kampadismo kaj alvoku la esperantistojn apogi la klopodojn de ICIEK.

# Kreo de Filma kaj Sonbenda Esperanto-Servo en Francio ?

Inter la debatoj, kiuj okazis en Vierzon (Cher) dum la lasta kongreso de la Federacio de Centra Montaro, oni interalie pristudis la demandon pri filma servo en Francio. Ĉu ne estus urĝe, ke grupoj por siaj kunsidoj kaj propagandistoj por siaj prelegoj povu uzi la Esperanto-filmojn, kiuj jam ekzistas en la mondo ? Jam funkcias speciala filmo-servo de U.E.A. Sed ĝi ne volonte rilatas rekte kun unuopulo aŭ aparta grupo. Certe ĝi pravas, ĉar estas ja ne simpla afero kun konsiderinda temporabo, kiam temas pri sendo de filmo alilanden. Ĉu U.E.F. kaj kune kun aliaj francaj Esperanto-asocioj ne povus organizi tiun dezirindan servon, en kunlaboro kun U.E.A. ? Se ni volas allogi la gejunulojn ankaŭ konservi ilin poste en niaj vicoj, ni devas uzi modernajn metodojn kaj materialon. La vasta publiko nun juĝas aferon laŭ tio, kio estas tuj videbla. Filmo kun esperantaj tekstoj kaj paroloj estos konkreta pruvo pri la vivanteco kaj uzateco de nia lingvo.

Pro tiuj motivoj, la kongreso de Centra Montara Federacio post vigla diskuto unuanime voĉdonis la jenan rezolucion : *« Konsiderante, ke en la nuna epoko ni bezonas modernajn ilojn por nia propagando kaj nia kluba vivo, la Kongreso petas, ke U.E.F. kaj se eble la aliaj Esperanto-Asocioj en Francio komune konsideru la avantaĝojn, kiujn povus doni al nia movado la organizo de filma kaj sonbenda Esperanto-Servo kaj ke en kunlaboro kun la faka servo de U.E.A. oni kreu ties filion en Francio. »*

Ni ŝatus scii, ĉu multaj gesamideanoj same opinias kaj ni volonte legus iliajn sugestojn.

R.B.



## INTERNACIA GEOGRAFA ASOCIO kaj GEOGRAFIA REVUO

S-ro A. W. Thomson (Avoto) volas informi al ĉiuj redaktoroj, aŭtoroj, verkistoj de artikoloj, ktp., ke li estas nur kasisto kaj kontisto de la nomitaj Asocio kaj ĉiujara Revuo. Li neniel koncernas sin pri redaktado, recenzo, presado aŭ administrado, kaj ne povas plu malŝpari tempon kaj afrankmonon transsendante al Jugoslavio interŝanĝajn gazetojn, recenzotajn librojn, manuskriptojn, anoncojn, ktp. Li ankaŭ ne povas dissendi provnumerojn aŭ senpagajn numerojn de la Revuo, kies kosto jam multe superas sian prezon.

* *

Ĉiujn literaturajojn oni sendu rekte al la Redaktoro kaj posedanto de la Revuo, S-ro Tibor Sekelj, Kondina, 24, Beograd, Jugoslavio.

Avizojn, annoncojn, kaj similajn aferojn oni sendu rekte al la Administranto, S-ro Marinko Givoje, Gornji trg. 31/II, Ljubljana, Jugoslavio.

Al Avoto bonvole sendu nur abonojn kaj kotizojn. La kvarnumera abono de GR (t.e. por kvar jaroj) estas 1.10 usonaj dolaroj, aŭ 8 ŝilingoj. En landoj kie IGA havas oficialajn Reprezentantojn oni pagu nacivalute laŭ kuranta kurzo.

Aliajn komunikajojn oni sendu al la Sekretario de IGA, S-ro W. von der Ley, Wasenstrasse 11, Tailfingen/Württ., Germanujo.

*
* *

## ĈE LA FILATELISTOJ

Ni estas ricevintaj beletan albumon kies titolo estas « La Poŝtmarkoj de la ĉina popola Respubliko ». En tiu albumo, farita laŭ la konsiloj de la ĉina filatela Asocio, oni unue trovas « Mallongan Historion de la ĉinaj poŝtmarkoj » ilustritan per bildoj de la priskribitaj p. m.

Poste, agrabla suprizo atendas vin je la sekvanta paĝo : oni malkovras aŭtentikan folian poŝmarkon : je 8 j. « Monumento al la Popolaj Herooj ». Sur 4 aliaj paĝoj (helbistra fono) estas montritaj, kolore, iuj tipoj de la p.m. de la ĉ.p.R.

La kvara parto konsistas en albumo-katalogo. Sur ĉiu paĝo estas reproduktitaj la kliŝoj de la p.m. kies liston oni trovas paĝpiede kun la jenaj informoj : klarigo pri la p.m. — n°-indekso — valoro — koloro — preso — dentaro — eldondato.

,La klasifiko estas jena : memorigaj, specialaj, ordinaraj, aerpoŝtaj kaj afrankoŝuldaj poŝtmarkoj. Fine, restas blankaj paĝoj por la venontaj p.m.

Bindita sub okra tola koverto, kun titolo en blua koloro, tiu volumo estas komprenebble partiga. Sed ĝi ebligas ordigi 10 jarojn de p.m. de la ĉina popola Respubliko (de oktobro 1949 ĝis marto 1959).

Pro la celo diskonigi kaj disvendi tiun albumon en la tuta mondo, la tekstoj estas redaktitaj en Esperanto. Tiu simpligo igas ĝian prezon tre malmultekosta (6 NF 15 % sendkostoj). Mendojn oni povas direkti al U.E.F.

J. A. ROUSSEAU

*
* *

## ENIGMO N° 6 :

Al la sekvantaj vortoj vi aldonu unu plian literon, kaj formu novajn vortojn. En la donita sinsekvo, la pliaj literoj formos frazon el la Proverbaro de Zamenhof :

Peceto — Kupro — Lino — Grati — Boli — Ronki — Akiri — Rajo — Lunde — Serpo — Nordo — Sudo — Animo — Glano — Aorto — Pluŝo — Lacigo — Preso — Popo — Klano — Povo — Plano — Arkeo — Nulo — Marno.

Limitado : 31.3.1960 por sendi la solvon al S-ro J.A. Rousseau, 64, av. de Châtillon, Paris.14.

## SOLVO DE LA ENIGMO N° 3 :

Jen la solvo kiu atingis la plej altan nombron (1025).

| | |
|---|---|
| Ĉirkaŭrigardantoj | 196 |
| Aŭtomobilekspozicioj | 189 |
| Radiotelegrafistinoj | 175 |
| Materialinterŝanĝoj | 203 |
| Aŭtografkolektantinoj | 209 |
| — | —— |
| 53 | 972 |

Kaj kiun sendis S-ino Lilli Giloteaux (Watrelos). Gratulojn ankaŭ al S-ino Lavallée (Hâvre) 808 kaj S-ro Bonamy (St-Nazaire) 549.

# NOTRE SERVICE DE LIBRAIRIE (EXTRAITS)

### ETUDE et ENSEIGNEMENT

| | NF |
|---|---|
| A.B.C. (pour ceux qui aiment les lettres), de Waringhien | 1,50 |
| L'Eperanto cet Inconnu (André Ribot) | 1,25 |
| Esperanto-Manuel, de Chavet et Warnier | 5,00 |
| L'Esperanto Facile, de F. Gaume | 3,00 |
| Ni parolu en Esperanto, de A. Ribot | 4,00 |
| Manuel d'Initiation (NOVA), de B. Thaillet | 1,50 |
| Manuel d'Etude (NOVA), de Jean Couteaux plus corrigé | 4,50 |
| Programme des Examens | 0,25 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES et VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Grand Dictionnaire Esperanto-Français (Waringhien) relié très solidement | 28,30 |
| Dictionnaire Etymologique en 9 langues (Bastien) | 10,00 |
| Dictionnre Français-Esperanto (Grosjean-Maupin). | 8,10 |
| Lexique Esperanto-Français (NOVA), de R. Léger. | 5,40 |
| Les Mots Esperanto groupés d'après le sens (Bobin) | 1,00 |
| Vocabulaire et Grammaire sur feuille | 0,10 |
| Plena Vortaro de Esperanto plus : Suplemento .. | 12,50 |
| Scienca kaj Teĥnika terminaro (Haferhorn) | 19,60 |
| Militista vortareto | 1,20 |

### LITTERATURE, PHILOSOPHIE, SCIENCE

| | |
|---|---|
| Abismo (originala romano de Jean Forge) | 3,15 |
| Abkar (romano pri la babilona epoko) bindita .. | 5,00 |
| La Alaska Stafeto - Kapitoj de la Glacirokoj) ... | 4,20 |
| La Alia Pasinteco (Bulthuis/Isbricker) | 7,00 |
| La Amo en la Jaro Dekmil (Ignotus/Bereguer) .. | 5,25 |
| Anstataŭa Edzino (Maxwell/Sampson) bindita ... | 4,20 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider kaj Carlsson) | 0,75 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweg/Chwering) Epoko 9 | 3,30 |
| Colomba (Prosper Mérimée/Beau) Epoko 6 | 1,70 |
| Doktoro Dorner (H.L. Eggerup) | 5,60 |
| Esperanto Legolibro (Elio Migliorini) | 3,75 |
| Fabiola (Wiseman/Ramo/Robert) | 6,30 |
| La Firmao de la Kato kiu Pilkludas (Balzac) | 1,05 |
| Jozefo (Applebaum) Stafeto | 5,60 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 3,30 |
| Gaja Leganto per Esperanto (P.E. Schwerin) | 0,85 |
| La Goja Podio (Raymond Schwartz) broŝurita .. | 4,00 |
| Hebreaj Rakontoj (Aleĥem/Muĉnik) | 1,05 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne/Inman) | 2,10 |
| Infanoj en Torento (Stellan Engholm). I-II | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) | 6,30 |
| Johano kaj Silvio, kun Esperant-Angla vortareto. | 0,80 |
| Poemoj de Omar Kajam (Waringhien) | 2,50 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann/Wohltat). Epoko 11 | 3,30 |
| Kiso de la Reĝino (Najivin/Staritsky). Epoko 10. | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (C. Rossetti), bindita | 7,80 |
| Misteroj de l'Vivo (Bogh-Hogsted/Graversen) | 3,50 |
| Morto de Trajno (Crofts/Stuttard), bindita | 7,50 |
| La Naiveco de Pastro Brown (Chesterton), bind. | 4,20 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 2,80 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant/Dupuis), lukse bindita | 16,80 |
| Taglibro de Anne Frank (trad. Degenkamp) | 10,75 |
| La Bapto de Caro Vladimir (Havliĉek) Stafeto .. | 10,00 |
| La Infana Raso (W. Auld) Stafeto | 10,00 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien) Stafeto ; bindita : 20,00 ; broŝurita | 17,50 |
| Eseoj (Waringhien) Stafeto | 10,00 |
| Esperanta Antologio (W. Auld) Stafeo bindita : 21,50 ; broŝurita | 18,50 |
| Novaj Esperanto Historietoj (Diversaj Aŭtoroj).. | 2,50 |
| Palaco de Danĝero (pri S-ino de Pompadour) ... | 4,90 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) Stafeto | 10,00 |
| Premiaj Romanetoj (konkursintoj) | 0,80 |
| Princino de Marso (Burrouhs/Sturmer) Epoko 5. | 1,70 |
| La Princo kaj Betty (Wodehouse/Badash) Ep. 3.. | 1,70 |
| Saltego trans Jarmiloj (Jean Forge) | 3,15 |
| Sep Vangofrapoj (Aslanyi/Spierer). Epoko 7 | 3,30 |
| La Sonĝo de Makaro (Kolorenko/Ŝidlovskaja) ... | 0,60 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Welles/Amos) Epoko 4 .. | 1,70 |
| Undino (Schreiner/Andrew), bindita | 4,50 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 1,75 |
| Victoria (Knut Hamson/Olav Rygg) | 4,20 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard). Epoko 8 .. | 3,30 |
| La Vojo Returne (E.M. Remarque/J.F. Berger) .. | 4,20 |
| La Esperanto Klubo (Malmgren) | 1,10 |
| La Esperanto-Movado (Stop-Bowitz kaj Isbrucker) | 2,80 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (E. Privat). I-II | 8,10 |
| Sinjoro Tadeo (Mickiewicz), bindita | 8,50 |
| Vivo de Zamenhof (E. Privat) | 4,50 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (G. Waringhien) I-II. | 19,00 |
| Originalo Verkaro de Zamenhof (lukse bindita).. | 15,75 |
| Per kio ni amuzu nin ? (Rosenberg-Malmgren) .. | 1,10 |
| « Esperanto » (binditaj koletkoj 1952 aŭ 1953) po.. | 5,00 |
| Maximes de La Rochefoucauld (bilingue : texte esperanto de Waringhien) | 2,00 |
| Aŭstralio-Lando kaj Popolo (ilustrita) | 3,50 |
| Ekspedicio « Kon-Tiki » (Heyerdahl-Brynildsen) lukse bindita | 18,50 |
| Guide de Paris en Esperanto (illustré) | 2,50 |
| Pola Folkloro kaj Popolkanto (Grenkamp) | 2,00 |
| Polusaj Glacioj sub Noktomeza Suno (illustré) .. | 1,50 |
| Arto... fariĝi centjara | 2,80 |
| Arboj de la Arbaro kaj Kampo (Booth), illustré .. | 0,85 |
| La Vivo de la Plantoj (P. Neergard) Stafeto | 11,20 |
| Atakoj kontraŭ Gardenplantoj (P. Neergard) | 15,40 |
| Komercaj Leteroj (Pruissen) | 1,65 |
| Pri Bredado de Abeloj (Andersen/Nederland) | 4,20 |
| Somera Universitato Malmö 1948 | 2,50 |
| La Floroj de l'Malbono (tr. Waringhien) Stafeto. | 13.40 |
| Kontralte (Marjorie Boulton) | 10,00 |
| Fabloj de la Fontaine (Lucien Thévenin) | 2,00 |
| Antonio kaj Kleopatro (Shakespeare/Andrew) ... | 2,10 |
| Georgo Dandin (Molière/Zamenhof) | 2,65 |
| Ifigenio en Taŭrido (Gœthe/Zamenhof) | 4,90 |
| La Revizoro (Gogol/Zamenhof) | 4,30 |
| Romeo kaj Julieto (Shakespeare/Andrew) | 2,10 |
| Retoriko (Lapenna), bindita | 15,40 |
| Aktualaj Problemoj de la nuntempa internacia Vivo (Lapenna), broŝurita | 7,20 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 8,00 |
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre littéraire de J.-P. Sartre (texte bilingue) Colette Llsch-Walter | 2,00 |

**Frais d'expédition et de poste :**
20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF
et 10 % au-dessus.
U.E.F., 34, Rue de Chabrol, PARIS-Xe
C.C.P. 855.35 PARIS.

**N.B. La membroj de U.E.A. bonvolu konsulti la Jarlibron, ĉar ili povas mendi pere de U.E.F. ĉiun indikitan verkon.**

LANGRES. — IMPRIMERIE MODERNE

Le Gérant : J. GUILLAUME